# MIRMEKOBO 21

**oktobro 2012**

**Redaktoro: Donald Broadribb**

***La URL de la retejo de Mirmekobo estas:*** http://mirmekobo.com

*Sur paĝo 1: Jam de proksimume jarcento arkeologoj scias ke la mondfamaj "kapo-statuoj" sur Paskinsulo efektive estas plenkorpaj statuoj, kiujn dum la jarcentoj kovradis tereroj kc.surŝutitaj de la ventoj. Nuntempe oni sisteme forigas la akumuliĝintan surŝutaĵojn kaj ekzamenas la tutajn statuojn. (Foto: http://www.eisp.org]*[1]

## TABELO DE ENHAVO

**rakonto** La polino (de Barjam Karabolli) ..........3

**recenzo** Bedaŭroj de la mortantoj ..........28

**korekto** ..........30

**sperto** Vera rakonteto pri fungoj (de Jadranka Mirić) ..........31

**novelo** Mara stelo (de Julian Modest) ..........32

**muziko** Antikvaj instrumentoj (de Donald Broadribb) ..........36

**novelo** La tri prunarboj (de Julia 'Sigmond) ..........42

**poemoj** (de Petro Palivoda) ..........sur paĝoj 27, 29, 31, 41

## ĜENERALA INFORMO

*Mirmekobo* estas per-interreta A5-formata eldonaĵo senpage abonebla, ankaŭ individuaj numeroj estas senpage haveblaj. Ĉiu persono rajtas kontribui al la enhavo de *Mirmekobo*. Neniu surpapera formo de *Mirmekobo* ekzistas. La kialo estas ke la presado kaj dissendado de surpapera ekzemplero estus tre multekosta, tiel ke abono estus ankaŭ tre multekosta. Tamen, se vi mem deziras presi per via komputilopresilo por vi aŭ por alia(j) persono(j) ekzemplero(j)n de *Mirmekobo*, tion vi rajtas libere fari. Ankaŭ la perretan formon vi rajtas libere dissendi.

La redaktoron vi povas kontakti ĉe donbroadribb@mirmekobo.com

---

[1] [eisp=Easter Island Statue Project]

# rakonto

## La polino

**de Barjam Karabolli** (Pollando)

*En nian ambasadejon en Varsovio alvenis pola civitanino. Komence, mi ne komprenis kial nia ŝoforo, tre laborema polo, kiu faris ankaŭ la taskon de gardisto, ankaŭ tiun de ĝardenisto, petis ke mi mi pritraktu ŝin, dum ŝin povus akcepti aliulo. Sed postmomente mi memoris ke tiun tagon ĉeestis neniu el la sekretarioj. Sekve mi devas akcepti ŝin. Certe la polino petos turisman vizon. Tiel diris al mi la ŝoforo, kiam mi demandis pri la kialo prezentota de lia kuncivitanino.*

*Mi malsupreniris en la salonon. Sinjorino kun gaja kaj bela vizaĝo ekstaris el la fotelo kie ŝi atendis min, kaj etendis sian manon, salutante min albane. Tio vere surprizis min, sed dummomente mi ekpensis ke eble ŝi lernis nur kelkajn salutvortojn, simile al multaj homoj en tiaj kazoj, por respekti la akceptonton, aŭ por krei varman etoson por la rendevuo.*

*La polino estis blonda kun okuloj samkoloraj kiel la ĉielo. Sed la bluo de ŝiaj okuloj havis ion apartan. Kvazaŭ iu estis skribinta sur tiuj okuloj iun mesaĝon per bela griza koloro. Ŝi havis sveltan staturon kaj aspektis malpli ol kvindekjara. Mi mem apenaŭ eklernis la polan kaj malfacile klopodis demandi ŝin en kiu lingvo ni interbabilu.*

*"Albane ni parolos" milde respondis ŝi, ridetante sincerplene.*

*Tio mirigis min sed samtempe ege ĝojigis.*

*"Ĉu vi estas polino?" mi demandis por certiĝi.*

*"Jes" diris ŝi, ne forviŝante la rideton de la norda blanka vizaĝo.*

*"Mi scivolemas aŭdi en kiuj cirkonstancoj vi lernis mian lingvon", aldonis mi.*

*"Mi estis ja 'nuse' (junedzino) en Albanio," respondis ŝi dum ŝia rideto estingiĝis kvazaŭ io forprenis ĝin perforte.*

*Mi riproĉis min ke mi ne cerbumis antaŭe pri tio, sciante ke dum la epoko de florado de la socialisma tendaro, granda parto de la albanaj junuloj finstudintaj en la eksaj "frataj" komunismaj demokratioj, revenis hejmen edziĝinte kun lokaj junulinoj, kiuj vere enamiĝis al ili. Eble trompis min ŝia vizaĝo, kiu aspektis ne aparteninta al tiu tempo. La perdo de la rideto, tiel neatendita, iel maltrankviligis min, sed la uzado de la albana termino "nuse", iel varmigis kaj kuraĝigis min por daŭrigi pli libere la konversacion.*

*"Kaj nun vi loĝas ĉi tie?" mi demandis duondubeme, sciinte ke la plimulto de tiuj geedziĝoj finiĝis malbone aŭ tragike post kiam nia lando malamikiĝis kun la eksaj komunismaj membroj de la socialisma tendaro, kaj apartigis sin. Tamen plurestis raraj geparoj savitaj el tiu pesto kaj nun povus vivi ie ajn laŭvole.*

*"Mi rakontos" diris ŝi. "Sed unue mi petas havi turisman vizon por mia filino, kiu estas ja la celo de mia vizito.*

*"Certe mi donos ĝin al vi" diris mi, kaj demandis: "Mi petas, krom la kafo, kiel en la albanaj hejmoj, kion vi pludezirus?"*

*"Kion ajn" diris ŝi, same kiel tion kutimas diri albanaj gastoj.*

*Mi mendis kafon kaj trinkaĵojn. Poste mi elpoŝigis cigaredujon kaj ofertis al ŝi unu. Ŝi prenis kaj diris ke ŝi ekfumos kiam alvenos la kafo. La kafo alvenis kaj mi bruligis cigaredojn por ŝi kaj por mi. Ŝi enspiris la fumon iom soife kaj rakontis sian historion:*

Vera tiun posttagmezon ekiris al la Publika Biblioteko troviĝanta en la Palaco de Kulturo kaj Scienco en la placo Defilad. Tiu palaco estas la plej granda kultura komplekso de la lando, donacite de Sovetia Rusio. Estis envere plezuro pasigi la liberan tempon tie.

La komenciĝo de majo en Varsovio estas kvazaŭ la komenco de aprilo por mediteraneano. Do tio estas prokrastita printempo. Tamen la varmo komenciĝis kaj la homoj sin vestis malpeze, precipe la junuloj. Vera, tiun posttagmezon, surmetis blankan robon kun ruĝaj rozoj kaj malpezaj sandaloj ruĝaj. La maldikan zonon premis iomete larĝa strio, ankaŭ ruĝa, el fajna ŝelo. Ŝi studis en la lasta jaro de la mezlernejo. Venontan semajnon, ŝi devos prelegi pri "La pomarbo" de John Galsworthy. Traleginte unuspire la novelon kaj plorinte pro la sorto de Megan, ŝi bezonis aldonan materialon pri tiu skuiga dramo. Ŝi trovis tekston kun komentoj pri la okcidenta beletro kie oni parolis ankaŭ pri Galsworthy. Eksidis en libera loko kaj trafoliumis la libron interese. Post iome, iu eksidis ĉe ŝia maldekstra brako. Droninte en la legado, ŝi ne dediĉis intereson al la najbaro. Sed li mem, post duonhoro, eklevis la kapon el sia libro kaj turnis sin proksimiĝante al la knabino. Vera aŭdis ke iu parolas al ŝi, preskaŭ murmurante (tio estis antaŭpostulo en publikaj bibliotekoj) per fremda pollingvo sed agrabla elparolo kaj diris:

"Pardonu min, mi petas. Mi stumblis ĉe iu esprimaĵo. Ĉu vi povas helpi min?"

Vera kunfrapigis sian longajn okulharojn pro surprizo kaj tuje kapturniĝis al la direkto de la voĉo.

Pro proksimeco de alies vizaĝo ŝiaj lipoj kvazaŭ tuŝis ĝin. Tio sentigis ŝin pli varma kaj la blanka membrano de ŝia vizaĝo koloriĝis al purpuro. Tio kion ŝi ekvidis estis la bruna vizaĝo de junulo kun nigraj okuloj kaj brovoj, rareco por sia blonda raso. Dume ŝi konsciiĝis, ridetis sincere kaj ekrigardis per belaj okuloj la libropaĝon, ĉe la loko al kiu la junulo fingromontris. Ŝi legis la frazon, turnis sian rigardon al li kaj eksplikis. La junulo tutdume gapante al ŝi, dankis kaj denove pardonpetis. Ŝi diris ke ŝi tute ne estis ĝenita kaj pretis denove helpi

lin, se bezone. Poste ŝi turniĝis al sia libro, sed ne plu kapablis koncentriĝi. Certe li estas fremdulo. De kie li estas? Kion li studas? Kaj pliaj aliaj demandoj naskiĝis ĉe ŝi. Sed ankaŭ la junulo ne plu estis trankvila. Tion oni povus konstati pro liaj vanaj kaj nervozaj movoj sur la libropaĝoj. Vera bruliĝis pro arda deziro, ke la fremda junulo denove petu ŝin. Kaj li petis ree, sed ne pri vortoj kaj esprimoj nekonataj.

Mi legas ion pri arkitekturo. Kaj vi?

Ŝi respondis pri kio ŝi legas. Ĉiam la paroloj estis mallaŭtaj kaj kun vizaĝoj proksimiĝintaj.

"Kiel vi vin nomas?" demandis li.

"Veronika" jam la ruĝo ne plu aperis en ŝia vizaĝo, dum la rideto pluestis.

"En mia lando tiu ĉi nomo diratas kurte Vera kaj signifas la duan sezonon de la jaro, do en la pola 'lato'" diris li, malpeze ridetante.

"Tio plaĉas al mi. De kie vi estas?" demandis ŝi, ĉar la kuraĝo de la junulo estis transdonita ankaŭ al ŝi.

"Mi venas el Albanio kaj mia nomo estas Fatmir, aŭ kurte Miri. Mi studas en la antaŭlasta jaro de fakultato pri arkitekturo. Sed…" li ion volis pludiri, sed iu aĝulino petis ilin silenti. Ambaŭ gejunuloj pardonpetis, sed nevole, kaj estis pretaj eksplodi pro juneca gajo, malfacile entenata. Devigite kaj pro silenta interkonsento ili stariĝis samtempe. Ŝi antaŭe, li post ŝi, iris remeti la librojn. Malsupreniris la ŝtuparon ne ĉesigante la rideron. Kvazaŭ ili konas unu la alian delonge kaj ridadas pro feliĉeco. Eliris eksteren. La nokto estis freŝa kaj la urbo svarmis.

"Kie ni lasis?" demandis Fatmir.

"Kion?" petis Vera kaj denove ne eltenis la rideton.

"La konversacion" diris li

Ŝi ŝultrogestis "mi ne scias" kaj metis la manplaton ĉe la lipoj kvazaŭ por haltigi la neĉesantan gajecon.

"Ho, jes. Unue mi deziras ke ni parolu per 'ci'. Ĝenas ja tiu etiketo. Ĉu vi konsentas?"

"Jes, mi konsentas."

"En kiu jaro ci studas, Vera?"

"En la lasta jaro de gimnazio."

"Kion ci scias pri Albanio?"

"Mi scias ke ĝi estas malgranda mediteranea lando kaj… Ĉu bela?" subite pludemandis ŝi.

"Jes, tre bela" respondis Fatmir kaj tuj demandis "Kie estas cia hejmo?"

"En la kvartalo Zoliborz. Ne fore de ĉi tie."

“Ĉu mi akompanu cin?”

“Jes, ja.”

“Ĉar ĝi estas proksima, ĉu ni piediru?”

“Bone. Ni piediru” akceptis Vera tutvole.

Vera ne povis kompreni kial ŝi sentas sin tiel sekura kun tiu nekonato. Ili eliris en la straton Marŝalovska kaj ekiris. Dumvoje ŝi longe parolis. Faris multajn demandojn pri Albanio. Respondante, Fatmir deziris ke la vojo neniam finiĝu. Sed diable, ili finfine alvenis en la strato Adam Mickieviĉ, ĉe kiu troviĝis ŝia domo. Ili haltis. Malfacilaj silentaj momentoj.

“Ĉu ni renkontiĝu morgaŭ?” pli ol demando, tio estis peto fare de Fatmir.

“Bone” ŝi respondis pro interna ĝojo.

“Do, samloke, samhore. Ĉu bone?”

“Bone” respondis ridetante Vera.

Fatmir manpremis kun ŝi kaj diris bonan nokton. Ne kisis ŝin. Disiĝis. Li atendis ĝis ŝi eniris kaj poste ekiris.

Morgaŭe, ili ambaŭ iris antaŭtempe al la loko. Sidis tie iel embarasite, nur unu horon. Ili ne povis studi pli. Tiel ankaŭ la postan tagon. La trian tagon ili ne iris al la palaco. Ili elektis rendevuon en Centrum. Ĉe kafejo “Internacional”.

Ili renkontiĝis ĝoje, kvazaŭ pasis multaj tagoj dum kiuj ili ne vidis unu la alian. Eniris en la kafejon kaj eksidis. Parolis pri la beletro, pri modo, pri filmoj kaj pri si mem. La glaciaĵoj degelis apenaŭ manĝitajn. Fatmir gapis al la ŝia vizaĝo, kaj dum Vera rakontis li haste interrompis ŝin:

Atendu. Ĉu ci jam spektis la filmon *La Grafo de Monte Kristo*?

“Certe, mi spektis kaj plaĉis al mi. Kial?”

“Tiel estas viaj lipoj” lia rigardo delonge kisis ŝiajn lipojn.

“Kiel? Mi ne komprenas cin” diris Vera, rigardante lin mire, kvazaŭ li subite freneziĝis.

“Kiel de lia Amanto, de Mercedes.”

Vera ridetis tutanime kaj kaptis lian manon kiel signo de plezuro kaj amo.

Ili eiris al la hejmo de Vera. Kiel ĉiam surpiede. Dumvoje Fatmir kaptis ŝian manon kaj neniam lasis ĝin. Kiam Vera, tutgaje kaj ne eltenante la ridadon, rakontis pri la fuŝaĵo farita tiutage de la profesoro de matematiko, Fatmir, neatendite, iris antaŭen, kaptis ŝin milde ĉe la ŝultroj kaj rigardis ŝin kvazaŭ li volas engluti ŝin, forkaptite de neeltenebla impeto je sopiro kaj amo. Ŝia kapo falis tuj sur lian kolon. Fatmir eksentis la kolon malsekiĝi pro varmaj larmoj. Kaptis permane tiun belan kapon plene transdonitan, levis ĝin al sia vizaĝo kaj kisis la larmojn. Kaj sentis ke ili ne estis ja larmoj. Estis perloj de feliĉo. Tiam li ne plu eltenis sin. Liaj lipoj trovis ŝiajn lipojn brogantajn kaj kisis ilin.

Vera forte enamiĝis. Estis ia "coup de founder",[1] kiel diras francoj. Granda amo, vera amo kiu frapis ŝin neatendite. La tuta mondo ŝia skuiĝis kaj ŝanĝiĝis, kiel ŝanĝiĝas la reliefo de iu tera surfaco frapita de forta tertremo. Fatmir por ŝi ja ne estis la blua princo de fabeloj. Ŝi apenaŭ memoris sonĝi tiajn revojn. Li estis sufiĉe pli. Estis la tuta ŝia virga mondo. Ŝia feliĉo mem. Nun ĉion ŝi faris facile kaj plezure. La patrino tuj rimarkis ke io okazis al ŝia filino kaj demandis. Ŝi rakontis. Kiam la patrino kisis ŝin, Vera ekploris pro ĝojo kaj feliĉo.

Fatmir iĝis kara knabo de la hejmo. La tagon de lia ekveturado al Albanio por pasigi la somerajn feriojn, lin kondukis ĝis la stacidomo la tuta familio. Vera ploris kiel infano. Kelkfoje ili interparolis per telefono kaj interŝanĝis leterojn. Vera komencis lerni la albanan kaj atendis senpacience la revenon de Fatmir, sed ankaŭ la librojn kunportotajn de li pri tiu kara lingvo. Malgraŭe, post monato pasigita familie ĉe Balta marbordo, ŝi pensis ke la ferioj tro longis.

La reveno de Fatmir feliĉigis tutan Varsovion. Tion diris al li Vera karesante liajn nigrajn buklojn.

Vera aliĝis al Fakultato de Filologio kaj Beletro. Ili apenaŭ sentis kiel pasis tiu lernejjaro. Alvenis junio. Alvenis la ekzamenoj. Fatmir kvitiĝis kun ĉiuj ekzamenoj kaj sentis sin kvazaŭ li konkerintis la tutan mondon. Vera finis pli frue kaj atendis tutangore. Kion ŝi ekspektis? Foriri al Albanio. La patrino iom hezitis. Kio okazos al ŝiaj studoj? Ankaŭ en Albanio estas tia altlernejo, diris la patro. Kaj decidite.

La disiĝo kun la proksimuloj kaŭzis dolorojn. Tamen la malĝojo apenaŭ sentiĝis en la dolĉa maro de la feliĉo.

Tiujn somerajn noktojn, dum la vojaĝo perŝipa, ili dormis malmulte. Ili staris surkaje kaj iliaj babiladoj neniam finiĝis. Vera, emociiĝinte, uzadis sian tutan fantazion por imagi la landon kien ŝi veturantas, kiu fariĝus ŝia dua patrio kaj de ŝiaj gefiloj.

Iun nokton, kiam ĵus krepuskiĝis, Fatmir montris al ŝi du stelojn okcidente. Unu estis pli granda kaj la alia malpli granda. La distanco inter ili egalis al unu braketendiĝo.

"Rigardu atente" diris Fatmir. "Ili ĉiunokte proksimiĝas malrapide unu al la alia. Tiom malrapide, kvazaŭ oni ne povas dedukti ilian moviĝon. Kvazaŭ ili iras al kaŝita loko. Iun nokton ili renkontiĝas. Nur ununokte. Poste denove ili disiĝas kaj malprokimiĝas tiel malrapide kiel ili proksimiĝis. Do, ĉiu el ili

[1] France, "tondrobruego", metaforo signifanta "subitaĵo".

daŭrigas sian vojon.”

Vera sentis tremon. Ŝi sekvis atenteme tiujn stelojn dum la vojaĝnoktoj. Envere tiel okazis. Sin kunpremante al Fatmir, ŝi diris malfortvoĉe:

“Kiom triste. Kial devas okazi tiel?”

“Estas nur legendo. Ĉu ci volas ke mi rakontu?” diris Fatmir ĉirkaŭbrakante kaj kisante la liprandojn, kvazaŭ volante trankviligi aŭ protekti ŝin de io malbona.

“Ne, mi ne volas” diris Vera kaj sentis sin debila pro tiu nerakontita dramo.

Estis frumatene kiam la ŝipo alproksimiĝis al Durres. La horizonto antaŭe estis arde oranĝkolora. Kvazaŭ la ŝipo ekdronas en flamo. Kaj poste, kio okazos? Ŝajnis tio kiel fabela vojaĝo.

Jen, videbliĝis la montetoj kaj poste la urbo droninta en la maldika membrano de la aŭrora nebulo.

Vera estis konkerita de ia angora ĝojo. Estis eniranta novan mondon. Novan vivon. Krom Fatmir, ĉio cetera estis nekonata de ŝi. La centro de ĉi tiu mondo por ŝi estis Fatmir. Kaj ŝi ne disiĝus de li. Alie ŝi estus perdita.

“Jen la patrino kun la frato” diris Fatmir fingromontrante.

Avertite, ili venis atendadi.

Fatmir estis parolinta multe al ŝi pri sia familio, precipe pri la patrino, debila punkto por li. La patro mankis. Li mortis kiam Fatmir estis ankoraŭ etulo. Li rakontis same pri la familiaj moroj en Albanio kaj pri tiuj en lia hejmo.

“Kie estas la patrino?” demandis senpacience Vera.

“Jen ŝi, tiu altstatura virino, vestita per nigra kostumo. Ĉu ci vidas? Apude estas la frato. Tiu kun blua ĉemizo. Li ne similas al mi. Jen nun li kaplevis.”

“Jes. Nun mi vidas ilin” diris emociplene Vera kaj levis la manon por saluti ilin.

Vera ne forlasis la brakon de Fatmir, kiu kun du pezaj valizoj enmane kaj kun okuloj direktitaj al la proksimuloj, antaŭenpaŝis tra la homamaso.

Alvenis antaŭ ilin kaj haltis dum konfuza momento krucigante la soifajn kaj sopirajn rigardojn.

“Ĉu la junedzino? Ho, mia trezoro!” kaj panjo Dilja kisis Veran kaj kunpremis al sia brusto kvazaŭ ŝi estus ŝia filino, kiun ekde jaroj ŝi ne estis vidinta. Poste, ne ellasante ŝin, foriĝis iomete malantaŭen kaj rigardante scivoleme kaj amece, kun okuloj larmoplenaj pro la ĝojo, ĉirkaŭbrakis kaj denove kisis ŝin. Karesante la orajn harojn de Vera, ŝi alparolis Fatmiron:

“Miri, mia filo, kie vi trovis ĉi tiun belegan feinon? Ŝi estas envere tia, ĉu ne?”

Vera komprenetis albane, sed en tiaj situacioj kaj rilatoj la homoj interkonsentiĝas tre bone. Pro la varmaj vortoj de ĉi tiu albana patrino kaj

precipe pro ŝia libera kaj sincera konduto, la fremda knabino tute liberiĝis kvazaŭ per ia sorĉo el tiu ŝarĝo da konfuzigaj sentoj kio estas normala en tiaj kazoj. Ŝi tuj sentiĝis en la sino de konataj kaj karaj homoj.

La familio de Fatmir loĝis en urbeto interne en la lando. Kio ravis Veran dum la vojaĝo al tiu urbeto estis la krutaj montoj kaj impeta rivero kiu jen malsupreniris bruege kaj jen daŭrigis la fluon trankvile, murmurante nekonatan melodion por ŝi. La nova domo estis surtera kun kvar ĉambroj kaj korto. Estis ĝi modesta, sed oni rimarkis ke la homoj zorgas pri ties bontenado. Tiun nokton la domo pleniĝis je ĝojo kiel rarfoje. Panjo Dilja sidigis la junedzinon ĉe la tablokapo, kion ŝi meritis kiel alveninto de fora lando klarigis ŝi, kaj mem eksidis apude. La du etaj filinoj de la frato de Fatmir komence kondutis timemaj kaj hontis proksimiĝi al la juna virino. Vera alparolis ilin per la albana nekonata de ili kaj petis ĉirkaubraki. Ili ruĝiĝis kaj ekridis tutnaive, poste alproksimiĝis kaj ĉirkaŭbrakis ŝin kaj ne plu volis disiĝi de ŝi.

"Aŭskultu vi ambaŭ" eldiris iom poste panjo Dilja, sin turnante al Vera kaj Fatmir. "Ni decidis okazigi nuptofeston. Ni jam pretigis nin kaj okazigos ĝin venontan dimanĉon. Estos ankoraŭ semajno antaŭe por plenumi ion ajn bezonatan de vi."

Fatmir rigardis al Vera kaj plena je seriozeco diris: "
Nu, kion ci diras? Ĉu ci volas vidi albanan nuptofeston?"

Vera malfermis la okulojn kaj kvazaŭ oni parolus pri alies nuptofesto, ĝojplene respondis: "Jes!"

Ĉiuj ekridetis malmalice. Panjo Dilja kisis la frunton de Vera kaj diris: "Longvivu, mia filino kaj herediĝu!"

Nekompreninte ion el tiu bonaŭguro, ŝi ruĝiĝis kaj turniĝis al Fatmir, kuntirante la ŝultrojn. Por Fatmir estis iom malfacile traduki la terminon "vi herediĝu" kaj li klarigis ĝin per tuta frazo.

Estis aŭtenta albana nuptofesto. Mankis nur la junedzinaj proksimuloj. Vera vestite per blanka robo de junedzineco kaj kun vualo kaj krono surkape, sin rigardis en la spegulo kaj ne povis kredi siajn okulojn.

"Laŭ nia moro, ci devas tristiĝi kaj plori" incitis ŝin Fatmir.

"Lasu la junedzinon ĝojiĝi. Ne plu estas la malnovaj tempoj" admonis lin panjo Dilja.

"Aŭskultu" daŭrigis Fatmir, "Estas io serioza. Eĉ por ploradi oni uzas apartan terminon. Tio nomiĝas "katarim".

"Mi ne povas" diris Vera sincerplene kaj ridetadis tutanime.

"Ridu, mia trezoro, estas ja via ĝojo unuavice."

La centra figuro de la nuptofesto estis la junedzino. Kanzonoj, dancoj kaj aŭguroj estis ĝuste por ŝi.

Fatmir devis daŭre traduki aŭ ekspliki al Vera la bonaŭgurojn kiu ne ĉesis kaj estis je diversaj formoj. La granda riĉo de la albana lingvo en ĉi tiu fako ege impresis ŝin kiel studentinon de la filologio, same la facileco per kiu alparolintoj faris tion. Dum Fatmir kiel ĉiamfoje, ŝercante diris:

“Ne forgesu, ke tiel facile oni bonaŭguras kiel ankaŭ malbenas.”

“El lingva vidpunkto tio ŝajnas al mi mirinda” diris ŝi serioze.

La nuptofesto plurestos en la feliĉa ĉielo de Vera unu el la plej kulminaj punktoj.

En la marborda urbo kie Fatmir postenis kiel konstruinĝeniero, Vera eklaboris kiel instruistino de la rusa en elementa lernejo, ĉar ŝi posedis sufiĉe bone tiun lingvon. Ili instaliĝis en nova apartamento kun du ĉambroj kaj unu kuirejo, preskaŭ en la urbocentro. Konfortiĝinte, ambaŭ decidis unuanime inviti kunloĝi panjon Dilja.

Ĉi lasta, kvankam forte ligita al sia hejmo, akceptis la proponon ĉar ŝi ege ŝatis la junedzinon. Cetere la loko ne estis tro fore, kiam ŝi sopirus pri propra hejmo ŝi povus iri tien kaj resti kiom da tempo ŝi volus, klarigis al ŝi Fatmir.

Ili sekvis normalan vivon. Sed plej bona estis la harmonio familia. Panjo Dila ege zorgeme kaj ameme klopodis ke la junedzino ne tro sentu la malĉeeston de siaj proksimuloj kaj sopiron por ili. Kiam ŝi sciiĝis ke la junedzino gravediĝis, ŝi ne plu lasis Veran okupiĝi pri familiaj aferoj kaj konsilis ŝin pri ĉio.

En la lernejo Vera amikiĝis kun Liliana, instruistino de biokemio. Ili ambaŭ trovis unu ĉe la alia multon komunan. Ili loĝis en la sama kvartalo kaj la vojon pasigis kune. Ĉiam surpiede. La lernejo ne estis dista.

Iutage Vera, fininte la lecionojn, ekiris al la hejmo. Liliana mankis tiun tagon, ĉar ŝia filo havis febron. Vera transpasis la lernejan pordegon kaj eliris surstrate. Nur 20 metrojn poste, haltis apud ŝi unu “Gaz”-veturilo[1]. Ĉirkaŭ kvardekjara viro elaŭtiĝis kaj salutis ŝin ĝentile. Poste ridetante kvazaŭ ili konatiĝis delonge li demandis:

“Vi estas profesorino Veronika?”

“Jes” respondis ŝi surprizite, sed pensante post momento ke li povus esti patro de iu lernanto, ŝi ridetis bonvole aldonante “Mi estas” kaj atendis kion pludiros la nekonato.

Li estis bone vestita. Portis ruĝan kravaton kaj blankan ĉemizon. La hararo duongriza estis falinta kreante du golfetojn en ambaŭ fruntaj flankoj. Havis

1 Marko de aŭtomobilo rusa.

fortan, preskaŭ esploran rigardon. Tio igis Veran demeti tuj sian sinceran rigardon al li.

Li etendis la manon kaj diris: “Ni prezentiĝu. Mi estas la patro de Vladimir. Kapo Alushi estas mia nomo.”

Vera, ĉar ŝi ne memoris la lernanton menciitan, demandis: “Pardonu min, en kiu klaso estas via filo?”

“En 6B respondis li, ne lasante ankoraŭ la etan manon de Vera kiu nun estis komencanta ŝviti pro embarasiĝo.

“Mi ne instruas en tiu klaso. La instruisto de via filo estas Agim” diris ŝi, ĉiam ridetante sed per ina instinkto flaris ian masklan severecon en la nekonato.

“Ho, pardonon profesorino”. Li lasis la manon kaj amikece kaj mildece kaptis la brakon, kvazaŭ ege pentanta, kaj diris: “Pro la eraro farita de mi mi estas devigata konduki vin ĝis la hejmo.”

Veran tentis kontraŭi, sed li, ne lasante tempon al ŝi ekparoli, malfermis la aŭtopordon kaj parolante ruse diris tre ĝentile:

“Mi petas, ne maljesu. Mi sentas min kulpa. Eniru, mi petas.”

Vera, nevole, subiĝis kaj eniris la aŭton. Ankaŭ li eniris malantaŭe kun ŝi kaj pravigante ĉi tiun lastan agon, denove alparolis ŝin ruse:

“Mi ne scias, sed mi ne povas sidi orgojlece antaŭe, kiam malantaŭe estas iu respektinda.”

La nemotivita enaŭtiĝo, troa insisto de nekonato kaj precipe kunsido kun li preskaŭ kuntuŝe, igis ŝin penti kaj senti sin iom maltrankvila. Ŝi malbenis sin pro la enaŭtiĝo kaj senpacience atendis elaŭtiĝi. Dume ŝi rimarkis ke la ŝoforo veturigas tre malrapide.

“Certe, vi estas fremdulino. El kiu fratina respubliko?” demandis la mastro de la aŭto.

“El Pollando” kurte kaj senplezure respondis Vera albane.

“Malfeliĉe, mi ne havis okazon vojaĝi iamfoje en via patrio. En Sovetunio jes. Tie mi finstudis. Sincere mi deziras gratuli vin pro via prefero paroli en mia lingvo.” Ĉi lastan frazon li eldiris albane.

“Mi estas albana junedzino kaj volas paroli albane” diris intence Vera.

“Ĉu plaĉas al vi Albanio?” la alia klopodis varmigi iel la klimaton inter ili.

“Jes. Alie mi ne reirus al Albanio” respondis ŝi, daŭrigante per neamika tono.

Eble pro tio, la babilado momente stagnis. Vera pente pro sia neĝentila konduto, provis korekti ĝin kaj demandis per pli milda tono:

“Kion vi finstudis?”

Mi finstudis Militistan Akademion” respondis li kaj ricevante impeton ĉar la babilado ekiras oportune, paŝis antaŭen. “Vi, certe finstudis pri filologio.”

“Mi estis studanto pri filologio, sed ne finis” respondis ŝi kaj senvole revenis ŝia karakteriza rideto.-De kie vi scias tion?

“Ĉar io, krom talento, devas helpi ankaŭ profesiulon asimili ene de malgranda tempo, malfacilan lingvon kiel la albana. Ankoraŭfoje mi gratulas vin, profesorino Veronika” finis li.

“Dankon” diris Vera kaj ekrigardis antaŭen por vidi kie ili troviĝis.

Post iome, ŝi fingromontris kaj diris ke ili troviĝas antaŭ ŝia domego

“Haltigu ĉi tie” ordonis li la ŝoforon.

Kaj la aŭto haltis ĉirkaŭ 50 m antaŭ la domego. Li elaŭtiĝis kaj ordonis al la ŝoforo malfermi la pordon por la instruistino. Li mem ankaŭ iris ĉe tiun flankon, manpremis kun Vera kaj ridetante diris ruse: “Ankoraŭfoje mi petas vian pardonon sincere, se mi ĝenis vin. Mi sentas ke mi ankoraŭ ŝuldas al vi. Tial, kiam ni renkontiĝos alifoje, mi petas ekde nun ke vi ne koleriĝu kun mi. Same ne malhelpu min oferti mian servon por kiu ajn zorgo havota de vi. Ne forgesu mian nomon: Kapo Alushi.”

Tio estis evidenta mesaĝo ke ĉi homo estis gravulo en tiu urbo. Vera ree sentis ian konfuziĝon kaj debilecon antaŭ li.

Ŝi supreniris la ŝtuparon haste kaj samtiel eniris la apartmenton. Salutis la bopatrinon, metante la aĵojn kunportitajn en iliajn lokojn. Panjo Dilja rimarkis ŝian maltrankvilon eĉ kvankam Vera eniris kun rideto en la hejmon.

“E, filino mia, kiel vi pasigis la tagon hodiaŭ? Mi vidas vin iom malĝoja. Ĉu okazis io malagrabla” demandis la bopatrino tutzorge.

“Ne patrino, nenio okazis al mi. Nur mi estas iom laca hodiaŭ. La laboro kun gelernantoj…” kaj Vera klopodis eskapi el tiu konversacio.

“Ne cerbumu tro multe kara filino. La infanoj tiel estas. Ili ne scias la zorgojn de la plenkreskuloj.”

Panjo Dilja, parolante, pretigis la manĝotablon.

“Kion vi kuiris hodiaŭ panjo?” demandis Vera, malrapide malŝarĝate de la lastaj impresoj de tiu tago.

“Hodiaŭ mi kuiris bakaĵon kun jogurto. Estas albana specialaĵo. Mi ne scias ĉu tio plaĉos al vi” kaj ŝi okulrigardis la junedzinon adoreme.

“Panjo, al mi plaĉas ĉiuj manĝaĵoj kuiritaj de vi. Sed kiam temas pri albana specialaĵo, certe tio pli multe plaĉas” diris Vera tutsincere helpante la bopatrinon.

Post la tagmanĝo Vera diris al la bopatrino ke ŝi devas iri al Liliana por

demandi ŝin pri la malsano de ties filo.

"Iru, filino. Salutu ŝin je mia nomo kaj bonaŭguru baldaŭan resaniĝon de la filo.

Liliana ĝojiĝis, kiam alvenis Vera. Tutan tagon sola. La filo estis pliboniĝanta. Post kiam ili parolis pri multaj kozoj, Vera ne povis elteni sin kaj rakontis kio okazis al ŝi tiun tagmezon. Nature, ŝi ne diris multajn detalojn. Tio kio interesis al ŝi estis ekscii ion pli pri tiu tipo. Liliana, aŭdinte pri kiu oni parolis, kuntiriĝis kaj diris:

"Estas la ĉefo de la Departemento de Internaj Aferoj!" Ŝi enspiris kaj aldonis "Atentu, Vera!"

La lastan frazon "Atentu, Vera" ŝi kvazaŭ akcentis. Vera sentis la mallumon de io nekonata en tiu frazo.

"Kio estas la Departmenento de Internaj Aferoj?" demandis ŝi insiste.

Liliana, kvankam estis iom malfacile klarigi tion, diris kelkajn kozojn ĝenerale. La familio de la onklo de Liliana estis persekutita pro politikaj kaŭzoj. Ŝi eĉ ne povus esti instruistino pro tio, sed la familio de la patro kaj de la edzo estis kun "bona biografio" (bona politika konduto). Tio estis la termino uzata por homoj, kiujn la ŝtato, nunpornun, konsideris siajn, t.e lojalajn, kaj sekve tenis ilin apude.

"Mi konsilas al vi ne diru ion al Fatmir. Ĉar tiel la kozoj pli komplikiĝas. Dume evitu tiun homon" tiel finis la babilon Liliana.

Vera ĉiam iris kaj revenis kun Liliana.

Iutage ili ambaŭ eliris el magazeno kaj direktiĝis al la busstacio por reveni hejmen. Dume alproksimiĝis iu "Gaz". Ĝi haltis apud ili. La ŝoforo eligis sian kapon tra fenestro kaj ridetante alparolis ilin:

"Profesorinoj, vi povas enaŭtiĝi. Mi kondukos kien ajn vi volas. Mi estas je via dispono."

"Multan dankon, sed ni atendas niajn amikinojn" tuj respondis Liliana.

La tono de Liliana estis tre klara kaj "Gaz" foriris.

"Ĉu vi vidis kiu estis?" demandis Liliana al Vera.

"Ŝajnis al mi la ŝoforo de tiu…" diris iom konfuzite Vera

"Jes, li estis" diris Liliana.

Alvenis la buso. Ili enbusiĝis kaj ne plu parolis pri tiu temo kvazaŭ ĝi estis ia tabuo. Ankaŭ la babilado pri aliaj kozoj estis iom pala.

La edzo de Liliana estis ordinara militisto. Post monato oni lin translokigis

en iun urbon en la nordo, iom plialtigante la postenon. Foriris ankaŭ Liliana, disiĝante okullarme kun Vera. Vera ĉiam suspektis ke ŝi mem estas la kialo de ilia translokiĝo.

Nun Vera sin sentis soleca kaj neprotektata. Konsiderante la averton de Liliana, ŝi nenion pri la afero diris al Fatmir. La entrepreno kie li laboris kiel konstruinĝeniero, estis konstruanta cigaredfabrikon. La fabriko devus transdonati okaze de datreveno de proklamiĝo de sendependeco, tiel la laboro por ties konstruiĝo daŭris dekses horojn tage. Fatmir eliris el la hejmo je la sepa matene kaj revenis je la oka vespere, eĉ pli malfrue. Li estis tiom okupata kaj lacigita, ke ne restis tempo libera por pasigi kun Vera. "Jen, tre baldaŭ ni finos la konstruon de la fabriko kaj restos kune pli longe" diradis li.

Estis semajnokomenco kiam la lernejestro alvokis ŝin matene en sian oficejon kaj ridetante kiel kutime diris: "Vera, estas bona novaĵo por vi."

"Kio?" demandis ŝi mirmiene kaj plezure samtempe.

"Vi instruos ruslingvan kurson dufoje semajne, posttagmeze en grava institucio."

"Kie?"

"En Departemento de Internaj Aferoj" respondis direktoro sincere ĝoja. "Estas grupeto de oficiroj dezirantaj eklerni la rusan."

Subite, de Vera foriris la rideto el la vizaĝo kaj pripensinte momente, ŝi diris: "Direktoro, pli bone iru tie Agim. Mi sentas min laca. Vi ja scias ke mi estas graveda…"

"Kion vi diras Vera? Tiu honoro estas por vi. Ne nur pro la graveco de institucio, sed ankaŭ pro pago. Oni pagos vin kromhorojn. Krome, Agim ne havas vian nivelon por instrui la rusan tie. Ne, ne, ne diskutu tion. Mi decidis por vi kaj transdonis vian nomon. Mi petas, ne embarasigu min" kaj la direktoro ne plu retiriĝis, nek volis argumentadi.

Vera interrompis lin, dirante: "Bone, konsentite."

Definitive, Vera komprenis ke la homo kun la nomo Kapo Alushi ne disiĝos de ŝi, tial, neatendite, ŝi decidis konvinkite. Okazu kio devos okazi, ŝi alfrontiĝos mem al ĉio. Ekbatalos. La bopatrino, en diversaj konversacioj pri la vivo, jam rakontis al ŝi interesajn ekzemplojn de albanaj virinoj rilate al la transpaso de malfacilaĵoj, por gardi la honoron kaj teni la donitan parolon iliaflanke. Komence ŝi malfacile komprenis profunde la terminojn "nder" (honoro) kaj "besa" (donita parolo), ilian apartan signifon ĉe albanoj. Sed ŝi klariĝis pri ili dum la konversacioj kun Fatmir kaj Liliana.

Ŝi informis simple la edzon ke ŝi instruos lernokurson de la rusa dufoje semajne postagmeze. Li demandis kie, kaj ricevinte respondon diris:

"Tre bone, Vera. Tiel vi pasigos ankaŭ la tempon. Ĉu tio envere plaĉas vin?" rimarkante ke ŝi aspektis enpensiĝinta.

“Ne, ne. Mi iros” respondis Vera ridetante sen plezuro.

La unua semajno de la kurso pasis bone. Entute estis ok personoj, el kiuj du inoj. La kurso okazadis mardojn kaj vendredojn, de la kvara horo ĝis la sesa posttagmeze. Ĉiam venis kaj prenis ŝin iu “Gaz” por veturigi ŝin al la kursejo. Ĝi venis ankaŭ por revenigi ŝin hejmen.

Ne estis “Gaz” de la ĉefo.

Iun vendredon, la duan vendredon ekde la komenciĝo de la kurso, post la fino de ŝia lecionon, oficiro diris al ŝi prezentiĝi ĉe la ĉefo en la oficejo. Ŝi atendis tion kaj ne tiom ŝokiĝis. La sama oficiro kondukis ŝin ĝis la oficejo en la dua etaĝo. Frapinte timeme sur la pordon la oficiro atendis iomete, poste malfermis la pordon kaj eniris. Li salutis sian superulon kaj tre ĝentile mansignis al Vera eniri. Vera eniris. La oficiro denove salutis kaj eliris fermante la pordon. La ĉefo ekstariĝis antaŭ ol eniris Vera. Kiam ŝi eniris, li, gaja, eliris el sia sidloko kaj sin turnis al ŝi, etendis la manon varme kaj diris:

“Bonvenon, profesorino! Eksidu, mi petas” kaj manmontris fotelon.

Mem li eksidis en alia fotelo, simila, kontraŭ ŝi. Meze estis tableto, malalta. Vera sentis sin kiel en dornoj, sed ege klopodis por sin trankviligi kaj kuraĝigi. “Ni povas alparoli unu al la alia per nomo kaj uzi “ci”— la ĉefo ne demandis sed sugestis kun certa tono.

“Vi jes” respondis Vera, kiu estis jam trankviliginta sin. “Sed mi ne povas fari tion. Mi ne povas paroli al aŭtoritatulo kiel vi per ‘ci’.”

En ŝiaj vortoj ne estis ia ironieco. Nur seriozeco.

“Nu bone. Kiel ci volas Vera. Sed mi pensas ke iutage faros tion ankaŭ vi, kiel mi jam faras nun. Bezonatas nur kuraĝo.”

Vera komprenis klare en liaj paroloj la komenciĝon de neevitebla atako. Ŝi ne parolis, nur serĉis kuraĝon en si.

“Kiel iras la kurso? Aŭ pli bone, kiel iras la kursanoj?” demandis li denove dume li premis butonon instalitan ĉe la rando de la tablo.

“Bone” respondis kurte Vera kaj dumtempe ŝi klopodis eviti la estingiĝon de malfacila rideto sur sia vizaĝo.

La pordo malfermiĝis kaj eniris servantino kun pleto, kiun ŝi lasis surtable kaj poste retiriĝis kaj eliris senvorte. Sur la pleto estis du kafoglasetoj vaporantaj kaj du akvoglasoj. La estro, senvorte kaj ĝentile, servis al Vera. Poste li prenis sian kafon kaj antaŭ ol trinki ĝin diris: “Ĝojon, Vera! Dolĉan panon! Tiel bonaŭguras nun por sciigi ke ni sukcesos bone kune.”

“Ĝojon!” diris Vera kaj eksentis ke tiu virulo kapablas trudi al aliaj personoj.

Post glacia silento la ĉefo trinketis ankoraŭfoje la kafon kaj tuj ekatakis: “Vera, ni alpaŝu rekte. Ĉu ci scias kial ci estas ĉi tie?”

Vera ne povis elteni lian penetran rigardon. Ŝi rigardis sian glaseton kaj ŝajnigante sin trankvila diris: “Por instrui la rusan al viaj subuloj.”

“Kvankam mi estas certa ke ci scias, mi diras: tio estas nur fasado. Ci estas ĉi tie por mi. Por esti sincera, ne estas mia kulpo. Mi ne sukcesis rezisti al via beleco. Ekde mi ekvidis cin, mia anĝelo diris ke niaj sortoj kruciĝos.” Dum li diris tion, li gapis perokule Veran, kiu kvankam pretigita por tio, eksentis timon ke li penetros forte en ŝian tutan sian eston. Momente ŝi pripensis kaj ne kuraĝante rigardi lin rekte al okuloj diris: “Mi ne scias pri vi, sed mi estas edzinigita kun edzo kiun mi ege amas.”

“Tio tute ne gravas. Kontraŭe…” diris li ne fininte la frazon.

Por Vera tiu “kontraŭe” estis evidenta mesaĝo, tranĉilo kun du klingoj. Ŝi konsciiĝis kaj kun okuloj koncentritaj sur sia manhorloĝo diris: “Jam estas tro malfrue por mi. Mi petas ke ni fermu ĉi tie nian konversacion ĉi vespere.”

Ĉe la ĉefo fiksiĝis ŝia lasta vorto “ĉi vespere”, kaj je venkoĝojo li ekstaris kaj diris “jes”. Ekstaris ankaŭ ŝi kaj provis iri al la pordo. Li kaptis ŝin permane, kaj ne atendante, provis kisi ŝin. Vera ne reagis, sed ne turnis la kapon al li. Li tiris ŝin malpeze ĉe sin kaj penis kisi ŝin sur la lipoj. Ŝi evitis tion. Tiam li kisis la vangon kaj la antaŭkolon tre volupte.

Vera retiriĝis, turniĝis al li, rigardis liajn okulojn kaj diris: “Vi estas virulo, potenca kaj vi kapablas perforti min. Sed sciu ke vi atingos nenion.”

Tiam li lasis ŝin kaj premis alian butonon. Eniris subite oficiro, kiun la ĉefo ordonis konduki la instruistinon hejmen kaj diris al ŝi bonan nokton.

“Bonan nokton” diris interdente Vera kaj postsekvis la oficiron.

La novjaran feston oni celebris ĉe la frato de Fatmir. Al Vera ege impresis la granda graveco de tiu festo kaj la bona familia organiziĝo dediĉita al tio. La festo daŭris du-tri tagojn kun familiaj vizitoj ĉe najbaroj kaj ĉe parencaro. Denove tiuj karakterizaj bonaŭguroj. Ĉi tiujn ŝi notis en kajero, simple pro lingva intereso. Kvankam oni ne volis okupigi ŝin per hejmaj taskoj pro ŝia gravedeco, Vera kuiradis. Ŝi scivolemis pri flano, pri kaĉo kaj precipe pri baklavo. Neniam ŝi bongustis tian meleagron kiel ĉi tie.

La trian tagon Fatmir foriris. Vera restis por pasigi la januaran lernejan ferion kun panjo Dilja, la bofratino kaj du etaj nevinoj.

La du semajnoj da feriado jam flugis, kvankam Vera ne volis tion. Kiom ofte ŝi memoris pri la lernejo, ŝi ektristiĝis.

Sed la lecionoj rekomenciĝis. Ankaŭ la lernokurso de la rusa. Kiel atendite, ŝin alvokis denove al sia oficejo la ĉefo.

“Vera mi havis grandan sopiron pri vi. Apenaŭ mi atendis ke vi revenu” diris Kapo Alushi kaj li ĉirkaŭbrakis kaj kisis ŝin volupte.

Poste li demandis ŝin kiel ŝi pasigis la ferion, ĉu ŝi jam ripozis sufiĉe ktp. Vera respondis kurte, sed dume ĝentile, aŭ iel konfuzite pro tiu malfacila situacio, ankaŭ ŝi demandis lin kiel li pasigis la Novjaran feston. Tiun ioman babilon ŝi koncentrigis je la majesteco de ĉi tiu familia festo en Albanio kaj multvarieco de bonaŭguroj kiuj envere impresis ŝin multe. Kiel ajn, la renkontiĝo donis varmajn momentojn al Kapo Alushi.

“Vera, mi pensas ke ni devas renkontiĝi ĉisemajne. Ĉio aranĝitos kiel eble plej bone” diris li frotante la manon de Vera.

Vera, neatendite, ekstariĝis, malfermis la grandan surtuton kaj montris al li sian ventron.

Nun rimarkis Kapo Alushi ke ŝi envere havis kreskintan ventron. Eble la dikaj vintraj vestoj antaŭe kaŝis tion.

“Vidu kiel mi estas” diris ŝi, “ havu paciencon ĝis mi naskos bebon kaj…poste… Mi petas.”

Kapo Alushi, seniluziigite pri kio li estis pretiginta, sed ankaŭ konvinkite ke li atingis ja sian celon, pravigis ŝin, kisis, kaj poste ili disiĝis.

La naskago de Vera ŝanĝis la monotonan fluon en la familia vivo. Ne eblis scii kiu estas pli ĝoja. Panjo Dilja ĝojiĝis same kiel je la tago de la alveno de Vera. Al Vera revenis la perdita feliĉo. Ŝi estis enteninta en sia ventro naŭ monatojn tiun kiu nun estis jam ekster ŝi. Ŝi rigardis tiun malfortikan kreitaĵon ameme sed ankaŭ mire kvazaŭ ŝi ne kredas ke ŝi mem estis ties kreinto. “Ĉu vere mi estas nun patrino?”

La lastan monaton de la gravedperiodo Vera pasigis la tempon kune kun Fatmir, kiu estis liberigita el la troa ŝarĝo de la laboraĵoj. Nun Fatmir iris kaj revenis, kvazaŭ flugis, de hospitalo al la hejmo. Ofte lin akompanis la patrino. Vera jam antaŭnaske volis filinon kaj tiel naskiĝis. La etulino havis la brunan koloron de Fatmir. Samtiel ankaŭ la hararo similis. La okuloj estis kiel tiuj de Vera, sed iom pli bluaj.

Elhospitaliĝintan, la bopatrino venigis ŝin hejmen per taksio. Fatmir pretigis la lulilo-liton, kelkajn vestojn kaj malsupreniris por atendi. Alveninte ĉe la pordosojlo, panjo Dilja haltigis ilin. Ŝi malfermis la pordon, sed ne eniris. Eniros la unua la nova gasto, tiom ekspektita. Ŝi prenis la etulinon, tenante ŝin enmane atenteme, tuŝigis ties piedojn surteren kaj diris: “Eniru. Venu, estu bonŝanca kaj alportu filon!

“E, ĉu mi ne diris al vi ke vi faru filon por la panjo?!” diris Fatmir al Vera okulumante.

Poste li turnis sin al la patrino kaj diris: “Panjo, mia edzino ne obeis min, sed ne zorgu, alian fojon mi decidos. Post jaro vi karesos ankaŭ filon.”

“La veron dirante, mi ege dezirus filon, tamen la junedzino alportis ĉi tiun belegan knabinon kaj mi ne scias kion diri.” Kaj panjo Dilja plu lulis la bebon ĉe sin, kantante belan lulkanton.

“Atendu” diris Vera al Fatmir. “Mi volas aŭskulti kiel kantas la panjo. Mi neniam aŭdis tiel mirindan kanton.”

“Pripensu la nomon” diris panjo Dilja.

“Panjo, mi fakte pripensas tion ekde kiam mi estis en la dua monato de la gravedperiodo” diris Vera kaj ŝi aldonis: “ Se ĝi ne plaĉos al vi, trovu alian nomon.”

“Diru” senpacience insistis panjo Dilja.

“Besa” diris unubuŝe kaj Fatmir kaj Vera.

“Ho, miaj trezoroj. Vi ege kontentigis min. Mi supozis ke temus pri unu el la novaj nomoj elpensataj hodiaŭ. Ne estas ke mi malŝatas ilin, sed kelkaj el ili malfacile prononciĝas.”

Vera telefonis al gepatroj en Varsovio. Ankaŭ ili ege ĝojiĝis fariĝante geavoj unuafoje. Kiam ili ekvidus sian nepinon? Estis fruaprilo. Ili diskutis pri la ebleco de vojaĝo tiun someron, sed estis iom danĝere vojaĝi kun freŝbebo. Kaj konsentiĝis por la venonta jaro. Ni paciencos, kion faru alie, diris la patrino de Vera.

Julie Fatmir ricevis la jaran ripozpermeson. Ili iradis al plaĝo. Panjo Dilja restis hejme kun la eta Besa. Sed ofte ili venigis ankaŭ panjon kun bebo. Ambaŭ ili restis subombre kaj rare eniris maron. Estis plezuro kiam Besa eniris la maron. Ŝi kunfrapigis sian piedetojn kaj manetojn kaj ellasis kelkajn mirindajn sonojn per kiuj ŝi certe esprimis sian kontenton. Jen, ankoraŭ iomete, ŝi komencos kanti kiel turtulino, diris panjo Dilja.

Fatmir, promenante tra la plaĝo, renkontis hazarde Hodo Matin. Ili estis iam najbaroj longajn jarojn. Panjo Dilja konsideris fratino la patrinon de Hodo. Ĉi lasta estis dek jarojn pli aĝa ol Fatmir. Lastan jaron de la milito, estante apenaŭ 14 jaraĝa, li iĝis partizano. Laboris en la kompartia komitato de sia distrikto, kaj poste oni sendis lin eksterlanden por studado. Nun li deĵoris en la Ministerio de Internaj Aferoj. Lia posteno estis altranga tie. Ankaŭ li ripozis familie en la Ripozdomo de la Ministerio. Fatmir invitis lin por viziti en sia hejmo. “Nepre ni venos” diris li “ĉar ege mi sopiras je panjo Dilja.” Ili venis kaj panjo Dilja akceptis ilin kvazaŭ siajn filon kaj junedzinon. Ili restis ĝis malfrue vespere, varme babilante. Ankaŭ Vera, kiu ne konis ilin, estis ĝoja pro tiu

vizito.

Alvenis septembro kaj Vera rekomencis sian laboron. Same rekomenciĝis la lernokurso de la rusa. Ofte Vera malbenis tiun lingvon kaj ke ŝi estis lerninta ĝin.

Alvenis ankaŭ la momento de renkontiĝo. Renkontiĝo, kiun longajn monatojn kiomfoje ŝi rememoris tiomfoje tremiĝis. Ne estis tio nigra makulo en nova vivo ĵus komencita, estis ja nigra abismo kiu volas engluti ŝin. Nun ŝi havas ankaŭ infanon, anĝelon, pro kiu ŝi pretas oferi ĉion. Ĉu ŝi transdoniĝu?

Kapo Alushi, ĝoja ke finfine alvenis la tiom dezirata momento, ĉirkaŭbrakis ŝin kaj demandinte pri la infano kaj ripozoj, diris ke la nasko igis ŝin ankoraŭ pli bela. Demandinte ankaŭ pri aliaj vanaj aferoj, li diris: “Ĉu ni pretpretas?”

“Jes” respondis vundvoĉe Vera.

“Nu, dimanĉon je la deka antaŭtagmeze vi iros tien—“ diris li enmanigante paperpecon kie estis notita la adreso.

Li klarigis la pozicion de la domo kaj manieron por iri tien. Estis domego ankoraŭ ne finkonstruita kaj neloĝita.

En la dua etaĝo ĉe iu el la enirejoj estis jam finita kaj meblita apartmento. Kompreneble, ĝi estis je la dispono de la Departemento. La ĉefo, post kiam Vera klariĝis pri la loko kaj sin esprimis preta iri tien, enmanigis ŝlosilon kaj ripetis ankoraŭfoje ke ŝi iru tien je la deka matene kaj atendu lin. Li ne malfruiĝos pli ol dek minutojn. Ili restos tie ĝis la dekdua aŭ maksimume ĝis la dektria.

“Kion mi diru al mia edzo?” demandis duonvoĉe Vera.

“Via edzo ne estos diamnĉe ĉi tie. Li iros kun sia direktoro en la urbon B pro iu problemo de la entrepreno. Ne zorgu, ĉio estas jam aranĝita. Al la bopatrino diru ke vi havas lernokurson kun la studantoj en la Departemento, ĉar marde tio ne okazos, pro ties okupiteco. Konsentite?”

“Konsentite” diris maldolĉe Vera ne rigardante lin je la okuloj.

Li kisis malpeze ĉe la ŝia liporando kaj ili disiris.

Sabate vespere Fatmir diris ke morgaŭ li foriros en la urbon B. Vera demandis pri la kialo kaj li klarigis. Dimanĉe, ekde la sesa matene alvenis la direktoro de la entrepreno per aŭto kaj ili forveturis. Je la naŭa, dirinte al la bopatrino ke ŝi devas iri al la lernokurso, Vera eliris la hejmon. Enbusiĝis kaj veturis ĝis la loko antaŭsciigita. Elbusiĝis kaj paŝis iom da vojo. Je kvin minutoj antaŭ la deka ŝi troviĝis antaŭ la domega enirejo. Supreniris la ŝtuparon ĝis la dua etaĝo, malfermis la pordon de apartmento, eniris ĝin kaj fermis la pordon per ŝlosilo. Ĝi estis apartmento kun du dormoĉambro kaj sidĉambro, banejo kaj malgranda koridoro. La dormoĉambro havis duoblan liton ekipitan per ĉio

bezonata por dormi. Vera eksidis sur seĝo en la sidĉambro kaj atendis. Ĉe la spegulo de la glasoŝranko, kontraŭe, nevole ŝi vidis sian vizaĝon. Ŝi preskaŭ ektimis. Aspektis kvazaŭ nekonata vizaĝo kun kelkaj senvivaj koloroj. Ŝi stariĝis kaj moviĝis tra la ĉambro kapklininte kvazaŭ serĉante fervore ion nepre bezonatan.

Je la deka kaj kvin minutoj aŭdiĝis frapo sur la pordo. Vera malfermis ĝin kaj Kapo Alushi eniris haste kaj tre kontente. Ĉirkaŭbrakis Veran. Demandis kiel ŝi sentas sin kaj ĉu ŝi dezirus ion por trinki. Ŝi diris ke ŝi sentis sin bona kaj deziras nenion. Tiam li senpacience metis manon ĉirkaŭ ŝian zonon kaj kisinte ŝian antaŭkolon enirigis ŝin en la dormoĉambron. Komence Vera staris kiel kadavro, ne reagante kaj ne movante ion de sia korpo. Sed kiam li provis malvesti ŝin, ŝi retiriĝis kvazaŭ mordite de serpento kaj severtone diris: "Atendu!"

Kapo Alushi mirigite kaj preta koleriĝi rigardis ŝin rekte al la okuloj kaj diris: "Kio vin ĝenas?"

"Ne" diris kurte ŝi.

"Kiel ne? Venu nun, lasu ludadon."

"Neniam" diris denove decideme Vera.

"U, kial vi venigis min ĉi tien?" kaj Kapo Alushi estis preta kolere ĵeti ŝin sur la liton perforte.

"Mi aranĝis kaptilon por vi" diris Vera kaj rigardis lin al la okuloj kuraĝe.

Kapo Alushi, ŝanĝiĝis subite kaj komplete. Li retiriĝis kvazaŭ sin defendante de iu abrupta frapo, sed postmomente konsciiĝis.

"Ci mensogas" kvazaŭ kriante li rigardadis ŝin, klopodante eklegi la veron en ŝiaj okuloj.

"Mi ne mensogas" diris decideme ŝi kaj daŭrigis: "Hodo Mati scias jam ĉion. Kune ni aranĝis la kaptilon. Liaj homoj jam alvenas.

Kapo Alushi ĵus aŭdinte tiun nomon tuj eksidis surlite kvazaŭ iu frapis lin la malantaŭon de la kapo. Iom enpensiĝinte li demandis: "Ĉar ci aranĝis la kaptilon, kial do vi parolas pri tio al mi?" kaj denove li rigardas ŝiajn okulojn suspekteme kaj atendis senpacience respondon.

"Eĉ mi ne scias kial. Eble mi ne kapablas fari malbonon al iu, kvankam vi meritas tion. Sed mi estas certa ke vin suferigos iu alia."

"Mi ne kredas cin" provokis li.

"Do restu por pruvo" diris Vera kiu nun sentis sin tute venkinta. "Ene de kvaronhoro ili estos ĉi tie. Ili posedas ankaŭ ŝlosilkopion" tiom diris ŝi kaj rigardis sian brakhorloĝon.

"Kion ci diros al ili, kiam ili alvenos?" demandis maltrankvile nun la ĉefo de departemento.

"Se mi estos sola, mi diros ke vi pentis kaj ne alvenis."

“Dankon” diris Kapo Alushi kaj ekstaris haste kaj eliris. Sed li haltis ĉe la pordo, revenis, rigardis Veran humile kaj diris “Ĉu ci finos ĉi tion por mi?”

“Kion?” demandis Vera.

“Protekton. Kion ci diros pri la ŝlosilo?”

-“Mi neos pri ĝi. Mi fermos ĉi aferon. Neniu volas embarasojn. Estu trankvila.”

“Dankon” rediris li kaj foriris kiel batita hundo.

Vera vidis lin el la fenestro forirantan kaŝe kaj haste.

Ŝi sentis sin elĉerpita kaj eksidis sur seĝo. Ŝin konkeris malĝojo kaj larmoj fluadis spontane. Ne ĝojaj larmoj pro la venko kontraŭ potenca kaj danĝera homo, sed larmoj pro doloraj. Dolorigis al ŝi la vundego kaŭzita tiel neatendite kaj tiel rapide en ŝia nova vivo. Eble ĉi tiu vundo resaniĝos, sed certe ĝi postlasos profundan stigmaton, kiun kiomfoje ŝi sentos ĝin, la animo revundiĝos. Jes, eble ankaŭ ĝi infektiĝos kaj malboniĝos. Kiu scias?

Ŝi fermis tiun fatalan pordon kaj eliris eksteren. Forĵetis forte la ŝlosilon, viŝis sian manon kvazaŭ ĝi estis teninta ion abomenan, enspiris profunde kaj ekiris al la hejmo.

Tiun aprilan posttagmezon la ĉielo, peziĝinte pro plombaj nuboj, enverŝis maldikan kaj serenan pluvon kiel dolorlarmojn dum silenta morto. Vera eliris el la lerneja pordo, malfermis la ruĝan ombrelon kaj ekiris al la hejmo. Besa fariĝis unu jara kaj ŝi hastis pretigi la vespermanĝon okaze de la unua datreveno de sia anĝelo. Apenaŭ ŝi paŝis dudek metrojn, ĉe la siaj piedoj bremsis severe iu “Gaz”. Timegite pro plorblekado de la gumoj kaj strataj akvoj kiuj disspruĉiĝis ĉiokaze, ŝi ellasis teruran krion kaj la ombrelo forflugis el ŝia mano. El “Gaz” eliris subite du viroj kiuj ĵetis sin sur ŝin kriante: “Je la nomo de la popolo, vi estas arestita”.

Dume Vera svenis, tamen ili surmetis katenojn kaj bestiece ĵetis ŝin sur la malantaŭan sidlokon. Poste ankaŭ ili enaŭtiĝis, metante meze la virinon svenintan. “Gaz” ekveturis antaŭen freneze, surpremis per siaj radoj la ombrelon kuŝintan surtere, tute disrompante ĝin kaj ĝi rapidege dronis en la griza kaj humida kurteno de tiu malhela tago. Sur la nigra asfalto postrestis kiel sangomakulo la detruita ombrelo de Vera.

Alveninte ĉe la Departementa pordo, unu el la oficiroj forte manfrapis Veran survizaĝen kaj ŝi konsciiĝis. Du policistoj prenis ŝin trenante, malsupreniris trans kelkajn ŝtupojn kaj demetinte la katenojn, forĵetis ŝin en etan, malhelan ĉambron.

En tiaj kazoj, eĉ al fizike forta kaj vivosperta persono povas okazi koratako,

aŭ apopleksio kaj morto. Aŭ povus okazi ke normala homo, pro tiu abrupta fatalo, freneziĝus. Mirinde, al Vera, debila ino, nenio simila okazis. Hazardo aŭ natura kapricio? Aŭ ion estis jam antaŭsentinta Vera?

Antaŭ du monatoj Albanio estis malamikiĝinta kun Sovetunio kaj la albana registaro deklaris sensacie sian foriron el la "reviziisma" tendaro, kiel ĝi komencis nomi nun la socialisman grupon. La interrilatoj daŭre pliglaciiĝis. Tiu glacio estis kondukita ĝis malsupre ĉe ordinaraj homoj. Tion eksentis tuj Vera. La direktoro ne plu ridetis al ŝi kiel antaŭe. Iu kolego, metante kontraŭreviziisman sloganon sur la lernejan muron diris: kamarado Enver[1] igos ĉi tiujn paroli kun si mem.

Vera timegis, kvazaŭ la vortoj direktiĝis al ŝi. Enhejme oni parolis nenion pri tiu afero. Tamen, Fatmir kvazaŭ perdis iom el sia karakteriza humuro. Ne pro malvarmiĝo kun Vera. Kontraŭe, li karesis ŝin plie. Sed li estis pli enpensiĝinta, pli silentema. Laŭ Vera li ŝajnis ankaŭ timigita.

Tio kio neniel ŝanĝiĝis, estis panjo Dilja. Iutage, revenante hejmen, preterpasis ŝin iu "Gaz" kaj iu de ene, tutvenĝeme, kriis insulte: "fihundino". Malĝojiĝinte, ŝi rigardis al la aŭto forveturanta kaj rekonis la ciferplaton de la aŭto de la ĉefo de Departemento. Subite ŝin okupis timo kiu neniam forlasis ŝin tutajn tagojn. Al Fatmir ŝi nenion diris.

Kioma estas la horo? Ŝi volis vidi, sed la brakhorloĝo mankis. Tuj la menso flugis al la hejmo. Tie ŝin atendas maltrankvile ŝiaj hejmuloj. Besa kun bluaj okuloj kaj eta fingro direktita al la pordo diras la unuan vorton lernitan: Mami (patrino). Ĉimomente ŝi ne plu povis sin elteni. Apogis la kapon sur la manplatoj kaj plorsvenis. "Doloraĵo mia, estas ja via unua datreveno. Datreveno perfortita. Etulino mia, kiu kreskigos vin?" La larmoj enfalis en manplatojn kaj glitadis malsupren ĝis la kubutoj. La plorego malŝarĝis sian grandan venenon iomete. Poste ŝi kaplevis kaj diris al si:

"Filino mia, mi volas ne morti, por kreskigi vin."

"Nomo?"
"Veronika"
"Familia nomo?"
"Lijevski."
"Albana familia nomo de la edzo?"
"Toto."

[1] Enver Hoxha, ĉefo de la komunista registaro de Albanio, ribelis kontraŭ Sovetunio en la periodo de Ĥruŝev, kaj deklaris ke la "vera" komunismo estis tiu de Stalin. 1976-1981 fervora kontraŭruskomunismo ekaktivadis..—Red.

Poste la enketisto demandis ĉu ŝi konsentas ke ŝi estas agento de la sekreta servo pola kun la grado leŭtenanto. Vera malfermis la okulojn, restis momente surprizita kaj diris ke ne. La enketisto plu demandadis ŝin pri “la rilatoj kiujn ŝi havis kiel agento en nia lando, pri la taskoj komisiitaj de la centro” ktp ktp. Vera ege konfuziĝis kaj ne plu respondis. Oni kondukis ŝin al ĉelo. Ĉar ŝi estis endormiĝinta pro la elĉerpiga lacigo psikologia, oni vekis kaj ree kondukis al enketejo.

Estis alia enketisto. Sub la forta kaj turmentiga lumo de projekciilo ĵetita al la vizaĝo, la samaj demandoj alikonstruitaj. Poste alia akuzo: provo implikigi kaj malkredigi funkciulojn de la albana ŝtato kiel kamaradojn Hodo Mati kaj Kapo Alushi. Danĝera malamikino, supersperta agentino, stinka spionino, maskita sabotaĝistino, fivirino, licencita prostituitino, fikulino, graveda fihundino, merda prostituitino, ruzulino, suprenpiedulino, vaginfendulino…

Kion alian oni ne menciis tiujn ses monatojn de antaŭprizoniĝo? Policisto kiomfoje sendis al ŝi manĝaĵetaĉon, dirante: “E, fivirino, ĉu vi malsatas?”

Tie, Vera havis okazon koni tiun parton malpuran de la albana leksiko kiun neniam ŝi eklernus aliloke. La frapoj per manplatoj kaj murdminacoj aŭ minacoj por malfacila morto, psikologia teruro, malsatturmentado, soifado kaj nedormado, ofendoj, mokoj, mispersonecigo, estis ĉiutaga kaj ĉiunokta porcio por Vera.

Kiel do eltenis tiun fatalon tiu juna virino, kreskinta kaj edukita en tute alia medio? Kiel alfrontis tiu sentema koro, tiu fajna animo, la tutan kruelan perforton, barbaran traktiĝon, tiun groteskbestian konduton? Ŝin ligis kun la ekstera mondo kaj kuraĝigis la plej belaj memoraĵoj, pri la plej karaj homoj: la eta Besa, Fatmir, gepatroj, panjo Dilja. En la plej nigraj momentoj ŝi fermis la okulojn kaj vokis ilin. Kaj ili troviĝis ĉe ŝi. Kvietigis frapdolorojn, resanigis animvundojn, levis alten la dignecon piedpremitan, revigligis, revivigis.

Tamen iutage ŝi ricevus plej teruran frapon kiu faligus surteren kaj kaŭzus plej grandan vundon, eterne nesanigeblan. Oni alportis deklaraĵon fare de Fatmir, ŝia idolo, por kiu ŝi forlasis la patrion, patrinan lingvon, gepatrojn, ĉion ligantan ŝin kun la infanaĝo, juneco, kun la plej bela kaj plej kara vivoparto. En la deklaraĵo oni diris ke li divorciĝas de ŝi, ĉar ŝi estis ja malamikino de lia lando ktp, ktp. Ŝi rekonis lian subskribon, sed ne povis kredi. Nepre devus esti ia ruzaĵo de la Ŝtata Sekureco. Oni diris ke estus kunfrontiĝo en la juĝejsalono, se ŝi ne subskribos jam ĉi tie la deklaraĵon por divorciĝi. Estas provoko. Jes. En la juĝejo, diris ŝi. Oni kondukis ŝin al la juĝejo.

Ŝi vidis Fatmiron. Ege sopiris pri li. Strangolis ŝin ĉi tiu broganta sento kaj ŝi ekploris. Ŝi fordonus eĉ la vivon, nur por renkonti lin kaj Besan. Fatmir ne

vidis ŝin. Mia trezoro, jen kie mi estas. Kiel fartas Besa? Por vi mi estas ankoraŭ viva. Sed Fatmir tenis la kapon klinita. Kiam la juĝisto demandis lin ĉu li deziras divorciĝi kun la akuzitino…li preskaŭ senvoĉe kaj ne rigardante ŝin diris: jes.

Dio mia! Ŝi deziregus ululi pro la doloro. Kio rilate la amrenkontiĝojn, ardajn konversaciojn, sendormajn noktojn, projektojn por la estonto teksitajn tutpasie, la gajan albanan nuptofeston, belajn songôjn por la estonteco de Besa? Ĉiuj piedpremiĝis tiom facile? Kial do? Kiel tio eblas? Ĉu tio estas la donita parolo? Ĉu tio estas la albana "besa"? Ĉu ekzistas pli alta perfido ol ĉi tiu?

Ŝin plene perdis sian forton kaj sin kuŝigis surteren. La koro haltis kaj flaviĝis kiel balaila herbo.

Kun la tremanta mano, ŝi apenaŭ sukcesis subskribi la divorcan dokumenton.

Oni kondamnis ŝin al 20 jaroj da enprizonresto. Kondukis en la virinan prizonon, apud urbeto kun malbonodoro pro sulfuro kaj gaso. Tie ŝi trovis alian polinon kondamnitan pro la sama akuzo. Povrulino, ŝi ne kapablis rezisti al la suferaro kaj freneziĝis. Vera, ne sciante eĉ mem kiel kaj kial, tamen travivis. Ŝi faris mekanikece kiun ajn laboron postulatan de la komandejo. Endormiĝis kun arda deziro revidi sian filinon en songô. Tiun nokton Besa fariĝis dujara, ŝi festis tion. Kiel ŝi festis? Estis amikino, albana prizonulino, al kiu ŝi estis rakontinta multon. La albanino estis konservinta iom el la nutraĵoj alportitaj de ŝia familio. Ŝi plenigis du aluminiajn platojn kun akvo kaj sukero, donis unu al Vera kaj diris: Ĝojon, ankaŭ aliajn 100 jarojn al Besa! Vera eklarmis pro tiu surprizo. Ĉirkaŭbrakis la amikinon kaj kisis ŝin amece. Poste ili dividis kelkajn sekajn figojn, po kvin migdalnuksojn kaj po kvin biskvitojn. Fine ili trinkis kafon. Ĉi tiu vespermanĝo, en la komunista prizono, estis vera bankedo.

La fruaŭtuno alvenis kun pluvoj, sed tiu tago estis ne estis tia. Varma kaj suna. Estis antaŭtagmeze kaj la prizonulinoj estis kolektintaj terpomojn en la kamparo. De fore, sur kverka branĉo, kiu neniel volis demeti la verdan mantelon, kantadis birdo. Eble tio estis ĝia lasta kanzono antaŭ ol forlasi ĉi tiun landon. Poste la birdo ĉesigis la kanzonon, kunfrapis la flugilojn kaj forflugis kiu scias kien.

Alvenis gardisto el la prizona dormejo, renkontis la taĉment-komandanton gardantan la prizonulinojn dum la laboro kaj ion diris kaj enmanigis leteron. La komandanto fajfis kaj la prizonulinoj tuj forlasis la laboron kaj atendis pretstare .

"La prizonulino numero 908, prezentiĝu ĉi tie" kriis la ĉefgardisto kaj li aldonis: "la aliaj daŭrigu la laboron."

Vera skuis la koton de la manoj, viŝis ilin per la prizona uniformo kaj ekiris. “Kion ili faros pli al mi?” ŝi demandis sin. Ŝi estis kondukita de la veninta gardisto, kiu ordonis ŝin paŝi antauen, en la prizonon. La gardisto transdonis ŝin al alia gardisto kaj ĉi lasta kondukis ŝin al la komandejo. Oficirino enirigis ŝin en iun anguleton, kie estis instalita primitiva duŝejo, donis pakaĵon da vestaĵoj civilaj kaj ordonis ke ŝi laviĝu kaj ŝanĝu la vestojn. Mem ŝi staris surpiede ĉe la pordo duonmalfermita. Vera malfermis la pakaĵon kaj estis mirigita. Estis ja siaj vestoj kiujn ŝi portis kiam oni arestis ŝin. Ŝin plenigis potenca sopirsento je tiu fora vivo perdita porĉiame. Kaptis tiujn vestojn el tiu kara tempo kaj kisis ilin. Jen ankaŭ la brakhorloĝo. Ŝi streĉis ĝin kaj la brakhorloĝo ekfunkciis. Kiom da tempo pasis ne mezurate? Kiel ĉio, ankaŭ la tempo havis nenian valoron en la prizono.

“Hastu ĉar ne estas pli da tempo,” diris la oficirino, sed mirinde ne plu per sia severa tono.

Ŝi lavis sin. Poste kun la manoj apenaŭ moviĝemaj, ŝi vestis siajn karajn vestaĵojn. La oficirino enirigis ŝin en iun oficejon, kie alia oficiro transdonis dokumenton por subskribo. Ŝi subskribis ĝin ne leginte. Estis alkutimiĝinta jam kun tia praktiko kaj apenaŭ volis pluscii. Poste oni enaŭtigis en la prizona aŭto. Ĉi lasta ekveturis. Kien oni veturigos ŝin? Kion faros kun ŝi? Tio nun malmulte interesis ŝin. Ne plu kredis ke ekzistas io pli malbona ol jam okazinta al ŝi. Ankaŭ se ekzistus, ŝi estis jam finita.. Tamen tio estis ia ŝanĝiĝo kiom neatendita tiom agrabla. Sed pli multe similis al io enigma.

La aŭto haltis kaj ili elaŭtiĝis. Estis en granda urbo. Ŝi ne povis orientiĝi. Rigardis la horloĝon. Estis la tria posttagmeze. Ili ekveturis je la dekdua. Tri horoj. La prizona oficiro transdonis ŝin al du civiluloj. Ili enautiĝis en bona aŭto. Ŝi rimarkis ke la aŭto havas la ciferplaton de Tirana. Ili haltis apud bela domo je tipo vilao kaj elaŭtiĝis. El la pordo kun feraj kradoj tuj eliris alia civilulo. Ŝajne li atendadis. Oni interŝanĝis paperojn kaj subskribojn. Ankoraŭ la enigmo ne solviĝis. La persono elirinta el la pordo aspektis kiel nordulo. Du civiluloj kondukintaj, senvorte, enaŭtiĝis kaj foriris. La nordulo turnis sin al Vera, ridetante, salutis ŝin per bonvenaj vortoj en la pola lingvo kaj tutedukite kaj ĝentile invitis ŝin eniri.

Mirigite, ŝi rigardis ĉirkaŭe. Vidis la blankruĝan standardon. “Certe mi sonĝas.” Skuis la kapon kaj ekpinĉis sin. Ankoraŭ ne kapablis moviĝi. La akceptanto denove parolis pole:

“Sinjorino Lijevski, eniru mi petas. Ni troviĝas en la pola ambasadejo. Vi estas jam libera. Mi estas la ambasadeja sekretario. Mia nomo estas Andrzej Bieleki.

Vera kun la piedoj tremantaj paŝis antaŭen. Ĉu ĉi tie estis la enigmofino? Aŭ la miraklo pludaŭros?

Ŝi konsciiĝis kaj memoris ke tie ŝi estis ankaŭ alifoje. (Ho, mia Dio, kian nomon povus havi tiu tempo?) por dokumentoj, stampoj kaj signoj.

La malmultaj deĵorantoj en la ambasadejo, inkluzive la ambasadoron, akceptis kaj traktis ŝin zorgeme kaj amike. Tie oni estis venigintaj ankaŭ la alian polinon el la prizono kaj poste el la hospitalo. Estis venigitaj ankaŭ du etajn filinojn ŝiajn.

Oni diris denove al Vera ke ĉi tie finiĝis ŝiaj suferoj kaj ekde nun ŝi estas libera. Sed la kulmino de la miraklo kaj feliĉo (ĉu pluestis ankoraŭ feliĉo por ŝi?) Ho — estis kiam oni diris ke ene de horo oni atendas ke oni venigos ankaŭ Besan, la filinon, kaj morgaŭ ili ekveturos kune al Pollando.

Vera ĉiam dubis pri la ekzisto de Dio. Sed nun ŝi diris al si: “Kiu povas fari miraklon tian krom Dio?”

La koro batis kaj la menso laboris pri la estonteco de filino. Ĉu vere oni venigos ŝin? Kiel aspektos ŝi? Kiom kreskis? Kiu venigos?

Kaj oni venigis Besan. Venigis ŝin nekonataj homoj al la pordo de la ambasadejo kaj foriris, interŝanĝinte dokumentojn kaj subskribojn. Ne priskribeblas tiu renkontiĝo. Tutan nokton Vera ne povis dormi. Sidis kaj rigardis la filinon dormantan. Rigardis ŝiajn nigrajn buklojn, maldikajn brovojn kaj longajn nigrajn okulharojn. Rigardis la frunton kaj glatajn vangojn je bela helbronza koloro, poste prenis la etan manon kaj kisis ĝin ne satiĝante.

Ĉi tie finis sian rakonton la polino. Kaplevis, rigardis min en la okuloj kaj diris: “Kaj jen kie mi estas.”

En ŝiaj belaj okuloj estis ariĝintaj larmoj. Mi lasis ŝin trankviliĝi iomete sed ne povis sidi sen demandi pri la vera aŭtoro de tiu miraklo.

“La pola registaro” diris ŝi “ekde la aresto de la polaj civitanoj, protestis, sed la albana registaro neglegtadis. Post iom da tempo, eble monaton antaŭ nia liberiĝo, varŝipo albana alvenis en Gdansk por alporti kaj reporti varojn laŭ komerca kontrakto inter ambaŭ landoj. La pola registaro lasis la ŝipon malŝarĝiĝi kaj ŝarĝiĝi, poste blokis ĝin, tenis kiel ostaĝojn ĉiujn maristojn kaj sendis ultimaton al la albana registaro ke ĝi transdonu en la polan ambasadejon por venigo en Pollandon la polajn civitaninojn enprizonigitajn kune kun iliaj gefiloj naskitaj en Albanio, interŝanĝe por la varŝipo kaj ties maristoj. Kaj la albana diktatoro, pri kiu en Albanio oni diris ke li teruris la tutan imperialistan kaj revizionistan mondon, kaŝe kaj urĝe faris tion kion postulis la pola registaro.

Nun Besa estas pli ol tridek-jara, edzinigita, havas du gefilojn. La filino nomiĝas Dile, honore al mia bopatrino kiun mi amis multe kaj memoras ĉiam

respekte. Por Besa mi volas la vizon. Ŝi iros viziti la patron kune kun siaj gefiloj.

Varsovio, junio 1995.

---

# poezio

**de Petro Palivoda** (Ukrainio)

## Evoluo

senhejma hundo
feliĉon havis
sed duone
ĝi trovis sur balaaĵejo
peceton da kolbaso
sed tuj ricevis ĝia dorso
senprokraste
celtrafan frapon
per bastono
de vagabondohomo
konkuranta
ĝi devas ja memori
ke homo estas
krono de l' Naturo

# recenzo

*Bedaŭroj de la mortantoj*

**tr. Julia Sigmond**

Bronnie Ware, flegistino en Aŭstralio, verkis libron kun la titolo: *The Top Five Regrets Of The Dying* (La kvin plej oftaj bedaŭroj de la mortantoj).

La verkistino jarojn flegis gravajn malsanulojn dum siaj tri lastaj monatoj de la vivo. Ŝi diskutis kun ili kaj demandis ilin: kion ili pleje bedaŭras en sia vivo kaj kion ili estus farintaj aliel.

La plej oftaj respondoj estis la sekvantaj kvin:

1. Estintus pli bone, se mi estus havinta kuraĝon vivi mian propran vivon, ne laŭ la pretendoj de aliuloj! (Ĉi tiu respondo estis la plej ofta. Evidentiĝis, ke nur ĉe la fino de la vivo la plimulto de la homoj konsciiĝas, ke eĉ la duonon de siaj revoj ili ne efektivigis. Oni mortas sciante, ke pro la eraraj elektoj kaj decidoj okazis tiel — ĉio.)

2. Estintus pli bone, se mi ne estus tiel multe laboranta! (Ĉiuj viroj diris tion! Ili ne pasigis sufiĉan tempon kun siaj infanoj kaj edzino, pro la tro multe da laboro.)

3. Estintus pli bone, se mi estus montrinta miajn sentojn! (Multaj homoj repremas, kaŝas siajn sincerajn sentojn, por la paco en la familio. Pro tio, multaj el ili restas mezkvalitaj kaj ne iĝas tiuj, kiuj ili fakte kapablus iĝi. Tiu erara konduto malsanigas multajn personojn pro sekretaj amaraj sentoj kaj ĉagrenoj.)

4. Se mi estintus kapabla teni, gardi, pli bone la rilaton kun miaj geamikoj, pli feliĉa mi estus nun! (Nur proksime de la morto oni komprenas, ke pro la tro ŝarĝita vivo oni perdis la malnovajn bonajn geamikojn. Al ĉiuj mortantoj mankas la amikoj.)

5. Ho, se mi estintus permesinta al mi esti pli feliĉa! (Surprize ĝenerala estas tiu deziro. La plimulto de la malsanuloj ĝis la morto ne kapablas kompreni, ke fakte la feliĉo estas decido. Oni algluiĝas al oldaj ŝablonoj, kutimoj. En la komforto de la alkutimiĝo oni aspektas kontentaj, sed plej interne, oni dezirus la veran sinceran gajan ridadon kaj sopirus la boheman vivon.)

# korekto

## Informis Gunnar Gällmo:



Dankon pro Mirmekobo 20, sed lasu min noti gravan (sed oftan) eraron en p. 4:

La duobla “aulos” tute ne estis fluto, sed jes ja ŝalmo; en la bildo sufiĉe klare videblas la anĉo, kiu ja neniam troveblas ĉe flutoj sed ĉiam ĉe ŝalmoj. La “aŭlos” havis duoblan anĉon kiel hobojo, sed cilindran tubon kiel klarneto. Eble unu el la du tuboj estis borduno, kaj do la instrumento verŝajne sonis pli-malpli simile al sakŝalmo (foje mem misnomita “sakfluto”), aŭ eble kiel hobojo; certe ne kiel fluto. Tio povus klarigi kiel Apolono, en la greka mitologio, per sia “aŭlos” povis frenezigi homojn...

Pli korekta greka vorto por fluto estis “syrinx”, kies plej konata tipo estis la Pajno-fluto (en PIV misnomita “Pajno-sxalmo”, kvankam ĝi tute ne havas ancxĉon), sed estas ne tute klare ĉu la fluto de Pajno fakte estis Pajno-fluto...

La korekta traduko de “aŭlos” estas kutima kvereltemo inter grekistoj kaj muzikologoj. Eĉ PIV intermiksas flutojn kaj ŝalmojn (almenaŭ la unua eldono — evidente neniu muzikologo kunlaboris); same pli pluraj biblitradukoj.

Kaj poste alian eraron: La kordinstrumento en la sama paĝo 4 estas ne harpo sed liro. Tiuj en p. 5 ja estas harpoj, tiu en p. 6 denove liro — vi povas vidi la morfologian diferencon.

---

# poezio

**de Petro Palivoda** (Ukrainio)

## Tempo

Tempo kuras trankvile kaj kutime,
ne ĉiu sekundo martelas tempiojn,
ili estas malrapidaj, molaj kaj varmaj
kiel lulkanto.

Sed okazas, ke estas rompata
ritmo de kvietiĝinta muziko de l‘ tempo
kaj iu ribelanta sekundo
forlasas sian orbiton
kaj sciigas la mondon pri sia ekzisto –
neretenebla, malmola, malvarma –
ĝi krias, eĉ en oreloj sonoras:
Vi tiel malmulte sukcesis fari

# sperto

## Vera rakonteto pri fungoj

**de Jadranka Mirić** (Serbio)

Mia bofrato nomiĝas Petar [Petro]. Li estas mezaĝulo okupanta sin pri fungoj. Post perdo de sia laborloko kiel teknologia pliulo, kiel multaj el lia enterpreno, li trovis sin surstrate. Mia franjo Mila jam emeritiĝis. Do, li kiu tiom multe aplaŭdis pro ŝanĝiĝado de la ekonomia sistemo, do al privatigo de firmaoj, trovis sin en la sama senperlabora situacio kiel multaj kontraŭuloj.

Tiam li decidis sin dediĉi al kolektado de fungoj[1], eĉ kulturado de fungoj por fine rikoltadi la fungojn el nia kara, fruktodona naturo, kaj nutri la familianojn kaj iom perlabori.

Li ellernis fari bongustajn manĝaĵojn de fungoj, por helpi al malsanuloj per bongustaj kaj tre bonkvalitaj fungoj, ankaŭ por iomete regali kaj plezurigi la fungofrandemulojn el sia amiko rondo... Por ili li preparis dolĉan frandaĵon el fungoj!

Do, li faris siajn receptojn kaj ĉiutage konservadis fungojn en sia sekreta marinaĵo. Ĉio iris glate. Li povas sin nutri kaj iomete perlabori. Li tre bone konis la zaječarajn[2] valojn kaj altaĵojn, eĉ la trunkojn sur kiuj kreskas fungoj.

Komence de la aŭtuno li estis trankvila sed baldaŭ li tre maltrankviliĝis. En Novembro apenaŭ pluvis . Kaj fungoj deziras pluvon. Ja, ĉiu scias ke post pluvo venas suno. Do, niaj fungoj kreskos pli rapide. Kaj kion fari se okazas nebulaj tagoj aŭ tagoj kun iom griza ĉielo sed neniom da pluvo ?

Tuthazarde dum iu senfrukta fungoserĉado li ekrigardis trunkon kun fungetoj ĉirkaŭ si. Li estis feliĉa, ĉar la loko estis iom for de la arbarvojeto, do estis bone kaŝita for de homoj promenantemaj arbaren, aŭ de iuj vagantaj ĉasantoj aŭ de iuj eblaj serĉantoj de fungoj!

"Dank' al Dio!" li ekpensis, kaj liaj vangoj ruĝiĝis, ne pro malvarmumo sed pri tiu egoista deziro ke ĉio restu kaŝita, nur por li!

Ĉiukaze Petro turnis sin maldekstren kaj dekstren. Neniun vidinte li ekfaris krucon per poŝtranĉilo sur la branĉeton pendantan super la trunko. Ĉar li tre bone konis la arbaron, verdire kiel sian poŝon, li kontente frotegis la manojn. Rapide li decidis ke li ĉiutage venos al la trunko por elverŝi po botelon da akvo sur ĝin.

Dirite farite. Ĉiutage li iris arbaren dufoje. Matene li portis botelon por

---

[1] Laŭŝajne temas pri ĉampinjonoj. "Fungoj" estas vegetala regno, en kiu estas nenombrebla kvanto da specioj, manĝeblaj, venenaj, kc.

[2] Zaječar estas serbiaj distrikto kaj urbo.

minerala akvo, posttagmeze botelon por blanka vino. Kompreneble, ambaŭkaze estis nur pura akvo

Ĉar mia fratino eksciis pri lia fungorakonto, estis tute klare ke ankaŭ al mi estis sciigita la samon. Do, pro tio mi senpacience atendis kio okazos. Kompreneble ni ĉiuj senĉese rigardadis la ĉielon. Sed senpluva vetero kvazaŭ spite tro daŭris. Eĉ nun, dudektagojn post la evento, kiam mi skribas por vi ĉi tiun rakonton, estas seka vetero.

Do, ĝis 16a de Novembro ĉio iris glate. Sed la sekvan tagon lin atendis granda surprizo. Veninte sur la lokon kie troviĝas la trunko, li staris mirigita kaj haste okule serĉanta la fungojn. Tiam lin okulfrapis la fungetoj disĵetitaj ĉirkaŭe. Sur iliaj fungĉapeletoj li tre klare vidis spurojn de birdobekoj kaj de iaj arbarbestodentetoj!

"El naturo al naturo!" ekpensis Petro.

Reveninte hejmen li estis iomete malgaja sed kontenta. Mia franjo ne povis malkovri la kialojn de lia kontenta, preskaŭ gaja fajfado. Ŝi demandis lin:

"Do, mi ne vidas la fungojn en la korbeto! Kio okazis al ili!"

" Formanĝis ilin birdoj kaj sciuroj" respondis li.

---

# poezio

**de Petro Palivoda** (Ukrainio)

## Aelita

Inter ni estas kosmo malvarma
kaj fora stelaro.
Mi tra spaco senfina
rigardas stelplenan ĉielon.
Okuloj-kvazaroj lumas.
Distancon je kelkaj paŝoj
mezuras parsekoj.
Kvankam mi ĉiun momenton
al vi flugadas,
vi estas tiel de mi
malproksime.

# novelo

## Mara stelo

**de Julian Modest** (Bulgario)

La viro estis malalta, dika kaj kalva. Oni ne povis diveni kiom aĝa li estis, ĉu pli ol kvindek aŭ li proksimiĝis al kvindekaj jaroj. La restoracio estis preskaŭ malplena, sed li sidiĝis ĉe la tablo, ĉe kiu mi sidis. Ĵus mi tagmanĝis kaj trankvile mi trinkis kafon. La nekonata viro ĉirkaŭrigardis. Li kvazaŭ hezitis ĉu resti aŭ ne en la restoracio. Eble li hazarde eniris ĝin. Vagonaro venos post kvardek minutoj, sed ŝajne la viro ne atendas vagonaron. Li portis nek sakon, nek valizon. Kiam li eniris la restoracion, mi rimarkis, ke liaj manoj estas en la poŝoj de la pantalono. Venis la kelnero kaj la nekonata viro mendis nur kafon. Poste li direktis rigardon eksteren tra la fenestro. Mi sentis, ke li deziras alparoli min, sed li hezitis. Eble tial li eniris la restoracion por alparoli iun. Mi neniom kontraŭis, ke li alparolu min. Mi enuis, ne rapidis. Estis iu el la molaj majaj posttagmezoj, kiam la suno malrapide subiris, la reloj brilis helblue kaj la verdaj mazutaj makuloj inter la ŝpaloj similis al smeraldoj.

La nekonata viro subite ekhavis kuraĝon, tusis seke kaj demandis min kien mi veturos. "Al Burgas" respondis mi.

"Mi ankaŭ veturos al Burgas" tuj aldonis li "kaj de tie al Belmar."

Mi alrigardis lin. "En Belmar mi havas hotelon" klarigis la viro.

Mi ne komprenis kial li diris tion. Ĉu li fieris aŭ deziris klarigi al mi kial li veturas al Belmar? Tamen post tiu ĉi enkonduko, li decidis, ke li jam trankvile povas konversacii kun mi. Io turmentis lin kaj li deziris rakonti ĝin al iu, ĉar verŝajne se li ne rakontos ĝin, li portos ĝin kvazaŭ sakon da ŝtonoj al Burgas kaj al Belmar. "Tutan vivon mi ne havis ŝancon" elspiris li "nek kiel lernanto, nek poste, kiam mi laboris. Nun mi denove ne havas ŝancon. Mia onklino, Dio absolvu ŝin, hela estu la memoro pri ŝi, testamentis al mi bonegan grundon en Belmar, proksime al la maro kaj mi decidis konstrui tie etan hotelon. Mi pruntepenis monon kaj rapide konstruis ĝin. La hotelo ne estas granda kaj du jarojn silente kaj trankvile mi vivtenis min de ĝi. Pasintan aŭtunon tamen okazis io, kio ruinigis min."

La viro alrigardis min kaj profunde elspiris. De liaj kaŝtankoloraj okuloj gvatis timo aŭ eble rezignemo. "Okazis je la fino de septembro. La somero finiĝis kaj la lastaj ripozantoj jam foriris. Malplena estis la hotelo. Mi preparis min por la vintro. Ja, vintre neniu venas, nek en Belmar, nek en mian hotelon. Ĉirkaŭ la oka vespere, kiam mi spektis la televidnovaĵojn, iu sonorigis ĉe la pordo. Mi eliris. Antaŭ mi staris junulino, ĉirkaŭ dekokjara. Nur poste mi eksciis, ke ŝi estais pli ol dudekjara. Mi alrigardis ŝin. Unue mi opiniis, ke ŝi

eraris kaj serĉas iun alian, sed ŝi demandis min ĉu estas liberaj ĉambroj en la hotelo. Mi devis jam ĉe la pordo diri al ŝi, ke la hotelo ne funkcias, sed mi embarasiĝis. La junulino estis alta, bela kun longaj blondaj haroj kaj figkoloraj okuloj. Ŝajne mi jam vidis ŝin aŭ eble mi sonĝis ŝin, ja tutan someron mi pasigis en Belmar kaj nenien mi iris. Ne eblis, ke mi vidis ŝin antaŭe. Miaj sonĝoj ĉiam estas turmentaj kaj sensencaj. Ofte mi sonĝas mian instruistinon pri matematiko, la matematiko tre turmentis min. Nur poste mi komprenis, ke vere foje mi vidis la junulinon. Mi vidis ŝin en la telvido, sed dum tiu vespero mi ne estis certa.

La junulino staris antaŭ mi kaj mallaŭte ŝi klarigis, ke ŝi veturis aŭte kaj rimarkis la hotelon. Tre plaĉis al ŝi ĝia nomo “Mara Stelo”. Neniam ŝi vidis maran stelon kaj tial ŝi haltigis la aŭton antaŭ la hotelo.

Mia hotelo estas eta kaj modesta, ĉirkaŭ ĝi estas pli grandaj kaj pli modernaj hoteloj, kiuj funkcias ankaŭ vintre. Mia “Mara Stelo” similas al blanka konko sur la mara bordo. Mi ne scias kial, sed mi invitis ŝin. Ĉu ŝia rideto aŭ ŝiaj grandaj figkoloraj okuloj sorĉis min, aŭ eble tio, ke al ŝi plaĉis la nomo de mia hotelo.

La junulino eniris. Mi klarigis, ke ŝi estos sola, ĉar dum aŭtuno neniu venas kaj ŝi respondis, ke ĝuste tion ŝi deziras. Mi pardonpetis, ke mi ne povas proponi al ŝi vespermanĝon, ĉar je la fino de septembro mi maldungas la kuiristinon kaj la du virinojn, kiuj prizorgas la hotelon, sed ŝi respondis, ke ŝi jam vespermanĝis. Mi proponis al ŝi kafon, sed ŝi mendis botelon da ĉampano kaj petis, ke mi portu ĝin en la ĉambron. Ĉivespere ŝi deziris festi ion, sed kion, ŝi ne diris kaj mi ne kuraĝis demandi ŝin. Min nur surprizis, ke ŝi festos sola, sed nenion mi diris, por ke ŝi ne pensu, ke mi estas tre scivola kaj eble impertinenta.

Jes, nun, kiam mi rakontas, mi rememoras, ke ŝi ŝajnis al mi iom stranga. Unue ŝi deziris esti sola en la hotelo; due, ŝi deziris festi sola; kaj trie, ŝi demandis ion, kiu konfuzis min, sed tiam mi ne tre atentis pri ĝi. Ŝi dufoje demandis ĉu mi estas sola kaj mi respondis “jes”.

Mi rigardis ŝin kvazaŭ eksterterulinon. En mian hotelon ordinare venas pli aĝaj, pli maturaj pesonoj kaj ŝi estis vere kiel mara stelo, kiu elnaĝis el la maro. Eĉ nun mi perceptas ŝian parfumon, kiu odoris je arbaraj fragoj kaj mi dronis en ŝiaj profundaj helaj okuloj, el kiuj mi ne povis elnaĝi. Ŝia rideto estis iom trista, sed varma kiel la aŭgusta stranda sablo. Mi montris al ŝi ĉiujn ĉambrojn, por ke ŝi elektu tiun, kiu plej plaĉis al ŝi. Vere la ĉambroj ne estas luksaj, sed la junulino diris, ke ŝi pli ŝatas modeste meblitajn ĉambrojn. Ŝi diris “ŝatas” kaj ne “al mi plaĉas”. Tion mi bone memoras kaj mi ankoraŭ aŭdas ŝian voĉon, kiu similis al gitara sono.

Ŝi elektis ĉambron, kiu rigardas al la maro kaj kiam ŝi eniris ĝin, ŝi tuj

malfermis la fenestron. Ŝi tiris la kurtenon kaj la maro kvazaŭ enplaŭdis en la ĉambron. Antaŭ la fenestro la maro vastiĝis senlima kiel arĝenta stepo. Tiun ĉi vesperon, je la fino de septembro, la maro estis silenta, kvazaŭ ĝi dormis. Super ĝi kvazaŭ granda, tranĉita akvomelono lulis sin la luno. Blovis friska vento kaj mi sentis la amaran guston de olivoj, fiŝoj, salo, algoj, la gusto, kiun mi konas jam de mia infaneco kaj kiun tutavive mi ne povas forgesi. Ŝajnis al mi, ke de la haveno alflugis muziko kaj viraj voĉoj, kiuj kantas konatan grekan kanton, aŭ eble mi nur imagis. Mi rigardis la junulinon, kiu staras antaŭ la malfermita fenestro. La vento flirtigis ŝiajn longajn blondajn harojn, ŝi estis vestita en blanka pantalono kaj en blanka bluzo, kaj mi opiniis, ke mi sonĝas. En mian hotelon venis nimfo. En la ĉambro regis mallumo kaj nur ŝiaj vestoj blankis kiel fosfo. Mi lasis ŝin sola. Post kelkaj minutoj mi portis al ŝi la ĉampanon kun unu granda glaso. Ŝi daŭre staris antaŭ la fenestro kaj mi ne komprenis ĉu ŝi aŭdis, kiam mi malfermis la pordon kaj metis la botelon kaj la glason sur la tablon ĉe la murspegulo.

Tiun nokton mi longe ne povis ekdormi. Mi kuŝis senmova. Kial tiu ĉi junulino venis ĉi tien tute sola? Ŝi kvazaŭ elnaĝis el la maro kaj kion ŝi festos? Eble mi ekdormis je la mateniĝo. Kiam mi vekiĝis, en la tuta hotelo regis silento, profunda silento, kvazaŭ la maro ankoraŭ dormas kaj ne aŭdeblis nek la plaŭdo de la ondoj, nek la krioj de la mevoj. Mi certis, ke la junulino foriris kaj mi iom koleris pro tio. Eĉ mi komencis dubi ĉu ŝi entute venis hieraŭ vespere en la hotelon. Ĝis tagmezo estis silento, kvazaŭ mi estis sola. Jam antaŭ la dekdua horo mi ne eltenis kaj mi iris al la ĉambro, por vidi ĉu ŝi ankoraŭ dormas. Mi frapetis ĉe la pordo, sed neniu respondis. Poste mi malfermis la pordon, ĝi ne estis ŝlosita, mi eniris la ĉambron kaj mi glaciiĝis. Ŝi dormas. Ne. Ŝi kuŝas sur la lito vestita en siaj blankaj vestoj. La botelo de la ĉampana vino ne estis malfermita. Mi proksimiĝis. Ŝi malvarmas. Mi ne momoras kiel mi descendis al la unua etaĝo, kiel mi telefonis al la polico. Ne demandu min pri la policanoj, kiuj dum kelkaj horoj pridemandis min.

Mia hotelo de eta kaj nekonata iĝis la centro de la universo. Mi eksciis, ke la junulino, kiu elektis de mia "Mara Stelo" forveturi al transa mondo, estis la fama kantistino Ina-Vanina. Pro ĵurnalistoj kaj raportistoj mi ne povis fermi la pordon de la hotelo. Ili venis tage kaj nokte, ili demandis, pridemandis kaj fotis. En la tuta lando oni ekkonis min. Tamen ne finiĝis miaj turmentoj, kara aŭskultanto. Mia hotelo estas tro malgranda por ĉiuj, kiuj deziris tranokti en ĝi.

Venis iuj, kiuj proponis, ke mi ŝanĝu la nomon de la hotelo. Ili diris, ke la hotelo devas nomiĝi "Ina-Vanina". Mi detale klarigis al ili, ke "Mara Stelo" estas bela nomo kaj ĝuste ĝi altiris la atenton de fraŭlino Ina-Vanina. Tamen ili ne konsentis kaj komencis minaci min. Ili devigis min pendigi ŝiajn fotojn en la ĉambroj, en la vestibloj kaj en la koridoroj de la hotelo. Sen mia permeso la

nekonataj viroj komencis vaste reklami mian hotelon kaj poste ili postulis, ke mi subskribu kontraktojn, laŭ kiuj mi estas devigata pagi al ili parton el la enspezoj de la hotelo, ĉar ili organizis la reklaman kampanjon de mia hotelo.

La povra Ina-Vanina. Ŝi kviete forpasis kaj nun diversaj uloj deziras gajni monon per ŝi. Tage kaj nokte en la hotelo tondras la kantoj de Ina-Vanina. Mi estas senpova. Mia eta "Mara Stelo" tute malaperis kaj sur ĝia loko ekfunkciis maŝino por reklamo kaj mono.

La seriozaj plenaĝaj homoj, kiuj antaŭe kutimis veni en la hotelon, malaperis kaj nun en ĝi estas adoleskuloj, kiuj dum la tuta nokto hurlas kiel lupoj kaj drinkas.

Kara aŭskultanto, la ebriaj adoleskuloj rompis ĉion en la hotelo. Miaj najbaroj, la posedantoj de la aliaj hoteloj en Belmar, komencis envii min kaj nun ili planas kiel eble plej rapide likvidi min. Ili diras, ke mi naskiĝis sub feliĉa stelo, ĉar nun "Mara Stelo" gajnas tiom da mono dum unu monato, kiom ĉiuj aliaj hoteloj en Belmar kune. Dufoje ili provis bruligi mian hotelon, sed ili ne sukcesis.

Mi neniam supozis, ke iam al mi okazos tio, ke mi travivos tian ĉi koŝmaron. Kaj nun mi ne scias kion fari, ĉu mi vendu la hotelon aŭ ne? Mia povra onklino, kiel ŝi ĝojis, kiam ŝi testamentis al mi la grundon en Belmar. Ŝi kredis, ke mi estos feliĉa."

De malproksime aŭdiĝis lokomotiva fajfo. La nekonata viro rigardis al la kajo kaj poste malrapide ekstaris. Li ne atendis de mi konsilon. Li sciis, ke li estas sola kaj neniu povus helpi lin.

---



Nekutima dormejo

# muziko

## Antikvaj muzikiloj

**de Donald Broadribb**

### *Kordinstrumentoj*



Qin el Ĉinio, 433AKE (frua speco de citro)
el la tombo de Markizo Yi de Zeng

Ĉi tiu estas la plej antikva citro ĝis nun trovita.



Agordanta kordinstrumenton. — Greka, 470-460AKE Muzeo Louvre



Apolono ludanta kordinstrumenton (romana statuo)
2a jarcentoKE (en la Vatikana Muzeo)



Greka 350-320AKE (en la Nacia Muzeo de Ateno)

# Frapinstrumentoj



Ĉina, 1600-1246AKE



Egipta bronza statueto, ĉ.1300 AKE: ludanta tamburinon

# Diversaj instrumentoj



*Hidraŭlo* [akvopumpe aerblova muzikilo] ĉ. 50AKE
[En la arkeologia muzeo de Dijon]

Ĉi tia muzikinstrumento estis la rezulto de plurjarcenta prilaborado en Grekio kaj Romio. La ideo eble originis en la laboroj por fari hidraŭlan horloĝon, pri kio grekaj specialistoj estis tre sukcesaj. La inĝeniero Ktesibio 285–222AKE, kuratoro de la Muzeo en Aleksandrio, famis pro siaj hidraŭlaj inventoj.

## Panflutoj

estis tre popularaj en antikvaj Gregio, Romio, kaj aliaj regionoj. Oni trovas multajn bildojn de ludado de panflutoj, el la periodo AKE.



Pan instruas ludi la panŝalmon. [≈100AKE. Trovita en Pompejo]

La panŝalmo estis konata en multaj partoj de la mondo. Oni trovas ĝin abunde en tomboj en diversaj partoj de la Amerikoj, kiel ankaŭ tra preskaŭ la tutaj Eŭropo, Azio, Afriko (sed ial ne Aŭstralazio!).



Bambua panŝalmo el Ĉinio ≈430 AKE



Ceramika panŝalmo el Peruo, ≈2900-3200 AKE

---

# poezio

**de Petro Palivoda** (Ukrainio)

## Antaŭ forveturo

Muroj silentos
nudaj.
Nigraj skaraboj postnajlaj
mordas leporojn
sunajn.
Iu ĉi tien venos,
diros:
Kia dezerto…

***

vento alportas en polmoj
odorojn de herboj
kion flustradas floroj
en malproksim'
sur ankoraŭ verdetaj ebenoj
rosoj frostiĝas
sur tia vojeto mi iras

# novelo

## La tri prunarboj

**de Julia 'Sigmond** (Italio)

La ĝardeno estis granda. Almenaŭ nun, por la maljuniĝinta Elinjo. Kvankam ŝi estas alkutimiĝinta al tuttaga laboro. Bonan ekzemplon donis al ŝi la gepatroj, kiujn ŝi neniam vidis pigri. Kelkfoje ankaŭ ili ripozis, sed ankaŭ tiun tempon ili saĝe uzis. Nome, aŭ ili legis la tagĵurnalon, aŭ ili skribis ion — aŭ leteron aŭ liston pri la farindaĵoj — aŭ ili diskutis pri la diversaj familiaj problemoj, se ili hazarde samtempe ripozis.

La patrino de Elinjo estis instruistino. Dum jardekoj vidis Elinjo, kiel konscie ŝi prepariĝas por la sekva, morgaŭa tago. Cetere la patrino estis la ĉefa listo-skribanto, sed ŝian kutimon transprenis ĉiuj familianoj, kaj la patro kaj la du filoj kaj ankaŭ Elinjo mem. Eĉ ankoraŭ nun Elinjo skribas ĉiutage la liston pri la farendaĵoj, aĉetendaĵoj, korespondaĵoj.

La patro de Elinjo estis oficisto. Li ne ŝatis sian laboron, eĉ malamegis la burokratismon. La sola bonŝanco estis, ke li heredis grandegan ĝardenon de siaj gepatroj. Post la okhora oficista laboro li hejmeniris, tagmanĝis, poste ĝis la malhela vespero li laboris en la amegata ĝardeno. Treege li bedaŭris, ke la du filoj tute ne interesiĝas pri la ĝardeno, sed vere ĝojigis lin la fakto, ke Elinjo, ankoraŭ tre juna, konstante troviĝis en la ĝardeno. Kiam ŝi kreskis iomete, ŝi eĉ volonte helpis lin.

Iun printempon la patro plantis tri prunarbojn por la tri infanoj, kiuj estis tre fieraj pro tio. Kiam venis iu gasto, la knaboj tuj gvidis lin al la ĝardeno por memlaŭdi:

“Ĉu vi vidas? Ĉi tiuj estas niaj prunarboj! Nia patro plantis ilin por ni!”

Sed malgraŭ tiu fiereco, ili neniam helpis la patron en la grandega ĝardeno.

Kiam printempe ekfloris ankaŭ la prunarboj, Elinjo kun la patro staris sub ili kaj rigardis, kiel nekalkuleble multaj abeloj ĉirkaŭzumas la tri prunarbojn. La patro kaj la filino estis kvazaŭ ĝemelanimoj. Ofte ili kune ĝuis la belecon de la naturo. Ekzemple ili amegis rigardi la belegajn sunsubirojn, kiuj ĉiam estis malsimilaj.

En la ĝardeno estis ankaŭ multaj diversaj floroj. La patro konstante havigis diversajn florsemojn kaj pli riĉigis la florspecojn de la ĝardeno. Memkompreneble por la patrino troviĝis ankaŭ legomĝardeno, sed ankaŭ tiun prilaboris ili du: la patro kaj la filino.

Danke al la diligenta zorgado, la tuta familio havis de printempo ĝis aŭtuno ĉiuspecajn fruktojn. Ili neniam devis aĉeti ĉe la foirejo ĉerizon, pomon, piron,

persikon kaj abrikoton, fragon, frambon, acidĉerizon, se ne paroli pri pruno. La tri prunarboj ĉiujare donis pli kaj pli multajn fruktojn. Ili treege grande kreskis. Kvankam la patro sufiĉe malproksime plantis ilin unu de la alia, tamen iliaj branĉoj interplektiĝis tiel, ke de malproksime tiel videblis, kvazaŭ estus nur unu sola, grandega prunarbo. Pro la granda rikolto ĝojis ne nur la familio, sed ankaŭ la parencoj kaj ĉiuj najbaroj, kiuj ricevis ĉiujare po unu korbo da ili. La patrino ĉiujare preparis kelkajn vazojn da prunmarmelado, la preferata de ĉiuj tri infanoj. Krome ŝi sekigis kelkajn kilogramojn da prunoj. La patro havigis ankaŭ bonegajn ĉampinjonojn kaj en unu angulo li sukcesis planti ilin. Post pluvo ĉiam aperis tiom da ĉampinjonoj, kiom sufiĉis al la patrino por fari manĝaĵon al la tuta familio.

La jaroj pasis. Elinjo finis la gimnazion kaj enskribiĝis ĉe la Teksa Inĝeniera Universitato. Ja krom la ĝardeno pleje interesis ŝin ĉiuj manlaboraĵoj. La patrina avino estis la plej fama teksistino de la vilaĝo, kie ŝi vivis dum sia tuta vivo. Kiam ŝi restis vidvino, oni invitis ŝin al la urbo, sed ŝi ne volis lasi la kutiman, trankvilan vilaĝan vivon. La maljuna avino ĉiam tre ĝojis, kiam Elinjo vizitis ŝin. Ne nur la teksadon lernis de ŝi Elinjo, sed ankoraŭ multajn sekretojn de aliaj manlaboroj: brodaĵoj, trikaĵoj, puntoj. Ŝi vivis 98 jarojn. Kiam ŝi mortis, ĉio restis por Elinjo, ja ŝi estis la sola nepino. Inter tio la cent-jara teksilo, kiun la avino heredis same de sia avino, sed kiu ankoraŭ nun perfekte funkcias. Elinjo treege ĝojis ankaŭ pro la multaj belegaj brodaĵoj kaj modeloj de diversaj manlaboraĵoj.

La gepatroj de Elinjo ege malĝojis, ĉar la pli aĝa filo tre june vojaĝis eksterlanden kaj decidis resti tie definitive. Li edziĝis kaj ĉiun someron li hejmen venis, por viziti la maljuniĝintajn gepatrojn. Tamen ĉiujare, la 1-an de januaro, li sendis longan raportleteron pri si mem kaj la familianoj.

La gepatroj pensiiĝis. La patro post mallonga tempo malsaniĝis. Li jam ne plu povis labori en la ĝardeno, sed li sidis sur sia komforta fotelo sub la prunarboj kaj kontente li rigardis, kie laboras la amata filino, farante ĉion ĝuste tiel, kiel ŝi lernis de la patro. Poste, la maljunulo subite mortis.

La patrino post 50-jara geedzeco tre suferis pro la morto de tiu vere bona homo, kiu sincere amis ŝin kaj restis fidela al ŝi dum jardekoj. Bonŝance por ŝi, Elinjo neniam edziniĝis, tial ŝi ne devis vivi sola, kiel la avino post la vidviĝo. Ŝi pensis kun granda zorgo pri la pli juna filo, ĉar ankaŭ li forlasis la familian domon, li edziĝis, sed li ŝajne ne estas feliĉa.

Ĉiam plorante pro la mortinta edzo, ankaŭ la patrino mortis. Elinjo restis sola en la granda familia domo kun la grandega ĝardeno, kiun nun ŝi tute sola devis prilabori. Ofte ŝi alportis diversajn fruktojn al siaj koleginoj kaj amikinoj.

Post la morto de la gepatroj, ŝi havis pli multan tempon ankaŭ por siaj fratoj.

Unue ŝi vizitis la pli aĝan fraton, kiu loĝis en Parizo. Post la morto de la patrino, fakte li invitis ŝin! Ĉu eble li havis konsciencriproĉon? Aŭ ĉu li simple estis dankema al la fratino, ĉar dum la lastaj jaroj ŝi sola prizorgis la maljunulinon? Kiu scias?

Komence Elinjo pensadis, ĉu mi iru, ĉu ne iru? Ĉiuj amikinoj konsilis al ŝi, ke nepre ŝi iru, ĉar simila okazo unufoje aperas en la vivo! Cetere ŝia frato pagas por ŝi la aviadil-biletojn, aldone en lia palac-simila domego ŝi ricevos apartan ĉambreton kun apuda banĉambro. Tiel nek ŝi ĝenos la familianojn, nek ili ĝenos ŝin. Fine ŝi decidis kaj akceptis la inviton de la frato.

Sed antaŭ la vojaĝo ŝi falis en la ĝardeno de sur la eskalo, (tiun ŝtupareton oni jam delonge devintus ripari!), kaj rompiĝis ŝia dekstra pojno. Triste ŝi telefonis, ke bedaŭrinde nun ŝi ne povas vojaĝi. La frato diris: "Demandu la doktoron, kiam ci povos vojaĝi, kaj mi ŝanĝos la aviadilbiletojn."

Tiel okazis, ke post tri semajnoj ŝi sukcesis vojaĝi al Parizo. La granda surprizo estis, ke la franca bofratino, kiun ŝi ne konis persone, kaj la du pli junaj knaboj jam forvojaĝis ferii al sia marborda dometo. Nur la frato kaj la plej aĝa filo atendis ŝin. Post tri tagoj ankaŭ la frato forvojaĝis al la marbordo, sed li lasis sufiĉan monon por la dusemajna restado de Elinjo en Parizo.

La plej granda miraklo ne Parizo estis, sed la nevo, la unuenaskita filo de la frato. Li perfekte similis al la avo, nome al la patro de Elinjo, kaj fizike kaj anime. Pleje interesis lin la floroj, la florkultivo. Li estis studento ĉe iu speciala Botanika Universitato, kie oni instruis la hortikulturon, sed ankaŭ la ĝardenistikon. Rapide naskiĝis inter la nevo kaj la onklino sincera amikeco. Dum du semajnoj ili kune vizitis la tutan urbon. Ĉiujn vidindaĵojn de Parizo montris al Elinjo la ĉarma knabo. Eksterordinare multajn fotojn faris Elinjo dum du semajnoj. Hejme ŝi devis aĉeti du albumojn, ĉar unu ne sufiĉis por ili. La nevo promesis, ke post la diplomiĝo li vizitos ŝin.

Post la reveno hejmen, Elinjo tuj vizitis la pli junan fraton, kiu jam la trian edzinon "konsumis". Kun ĉiuj tri virinoj li havis po unu filon. Ĉiuj tri filoj loĝis kun li. Grandan batalon li havis ĉe ambaŭ divorcoj, por gajni ke la filoj restu kun li kaj ne kun la patrinoj.

Elinjo tre simpatiis lian unuan edzinon kaj eĉ post la divorco ŝi havis bonan kontakton kun ŝi. La duan bofratinon Elinjo malpli simpatiis ol la unuan, sed tre amis ŝian filon, eble ĉar li estis ne nur nevo, sed ankaŭ ŝia sola baptofilo.

Kiam la frato divorcis ankaŭ de la dua edzino, Elinjo teruriĝis, ĉar ŝi bone konis tiun virinon, kiun li volis igi sia tria edzino: ŝi estis neelteneble kruda, perforta kaj diktatoreca. Fakte la malforta frato iĝis ŝia sklavo. Laŭ la malnova proverbo: La amo stultigas, mizerigas kaj mortigas. La kompatinda frato nun rericevas ĉiujn suferojn, kiujn li havigis al la unuaj du edzinoj. Elinjo ne povas

helpi lin, ĉar la amo entute blindigis lin. Ofte ŝi vizitis lian familion, alportante al ili florojn kaj fruktojn. “Ĉi tiuj prunoj estas de cia prunarbo!” ŝi diris foje al la frato. Tiam ŝi rimarkis larmetojn en liaj okuloj, eble pro nostalgio, do ŝi ne plu menciis al li la tri prunarbojn.

Kiam la tria bofratino eksciis, ke en la familia ĝardeno kreskas eĉ ĉampinjonoj, ekde tiam neniu plu povis manĝi el ili, ĉar la diktatoreca virino ordonis, ke ĉiujn ĉampinjonojn Elinjo alportu al ili. Por la familia paco — ke la bofratino ne kverelu kun la frato — Elinjo obeeme alportis ĉiam ĉiujn ĉampinjonojn. Eĉ ŝi ne plu manĝis el ili.

Nun Elinjo sidas en la komforta fotelo de sia patro. Ŝi estas treege laca. Antaŭ nelonge foriris la lastaj gastoj, kiuj venis gratuli ŝin, okaze de ŝia 80-jariĝo. Ŝi ricevis tre multajn florojn kaj tro multajn valorajn kaj interesajn librojn. “Ĉu mi havos sufiĉan tempon legi ĉiujn?” ŝi pensas.

Ŝi sidas sub la prunarboj kaj rigardas la belegan sunsubiron. Ŝi memoras pri la forpasintaj jardekoj. Unue ŝi memoras la avinon, de kiu ŝi tiom multe lernis, poste la gepatrojn, kiuj per siaj ekzemplodonaj vivoj tiel multe helpis ŝin iĝi tia, kia ŝi estas. Ŝi memoras la multajn geamikojn, kiuj iĝis ŝia dua familio.

Sidante kaj ripozante sur la patra fotelo, sub la prunarboj, ŝi ekdormas. Belegan sonĝon ŝi havas. Ŝi estas dekjara knabino. Ŝi ekaŭdas la voĉon de la patro:

“Infanoj! Venu, venu rapide! Jen, mi plantas por vi tri prunarbojn!”

Elinjo ridetante ekdormas poreterne.

---



Ĉielarko super Paskinsulo

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla senpage, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per viaj legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron aŭ por peti abonon, kaj por sendi kontribuaĵon: donbroadribb@mirmekobo.com

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari laŭdezire kaj senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos. Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.


Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo kaj ankaŭ ĉe la retejo de la redakcio: mirmekobo.com

Redaktoro: Donald Broadribb